XVa jaro. No 232 (12) ☆ Monata ☆ Decembro 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Franko
*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Reklamo (unulinia spaco) . . . . . . . . . 0.50 Franko
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



## NUNTEMPAĴOJ

## LA INTERNACIA LABORKONFERENCO

Inter la multaj ĉapitroj de la pacotraktato, unu estas dediĉita al la reĝimo de la laboro. Ĝi fiksis la organizon de periodaj internaciaj laborkonferencoj. La unua nun kunsidas en Washington. Pri ĝiaj taskoj oni kun intereso legos la subajn klarigojn de kompetentulo.

La internacia laborkonferenco en Washington estas la unua oficiala manifestado pri la ekzisto de la Societo de la Nacioj; ĝi celas proponi internaciajn solvojn por la laborproblemoj.

La delegitoj de ĉiuj grandaj nacioj, interkonsiliĝintaj en Washington, kunsidis laŭ la pacotraktato. Jam longan tempon antaŭ la paco, multaj personoj postulis, ke en la traktaton oni enmetu ĉapitron pri la laboro; estas la originaleco de tiu diplomata akto, ke ĝi enhavas artikolaron pri la kondiĉoj de la laboro. Tiu originaleco estas klarigebla: necesis rekonstrui Eŭropon, refari novan socion kaj doni al la Societo ~~de la Nacioj organojn kaj leĝojn.~~

La pacotraktato ne starigis internaciajn laborleĝojn — tion ĝi ne povis fari; sed ĝi kreis la institucion, kiu devos ilin prepari kaj formuli, kaj por gvidi ties ekpaŝojn, ĝi proklamis la ĝeneralajn principojn, laŭ kiuj ĝi agu, kaj eĉ fiksis la programon de ĝiaj unuaj diskutaĵoj.

Jam kelkajn jarojn antaŭ la milito estis faritaj la unuaj provoj por starigi internacian laborjuron. Oni estis konstatinta, ke la laboristaj demandoj, same kiel la ekonomiaj problemoj, ne povas solviĝi aŭ eĉ esti prijuĝataj nacie. La maniero, laŭ kiu la laboristaro estas uzata kaj salajrata, la devigoj, kiujn trudas al si la ŝtato aŭ la industriistaro por plibonigi la kondiĉojn de la laboristoj, reagas je la kostoprezo en ĉiuj fakoj de la produktado kaj sekve influas la ekonomian bataladon inter la popoloj.

La unuecigo de la laboristaj leĝoj prezentas do ekonomian intereson. Ne malpli grava estas la morala intereso, ĉar estas dezirinde, ke la civilizitaj nacioj altigu je sia nivelo la malpli progresintajn popolojn. Fine, ankaŭ politikan intereson havas la problemo. Tion bone komprenis la pacokonferenco, kiel atestas la motivoj, kiuj klarigas en la traktato la ĉefprincipojn de la estontaj internaciaj laborleĝoj.

Tiuj leĝoj estas necesaj, oni legas en la teksto: „Ĉar ekzistas laborkondiĉoj, kiuj por multaj personoj signifas maljustecon, mizeron kaj malhavon, kio naskas tian malkontentiĝon, ke la paco kaj universala harmonio estas endanĝerigataj ... Ĉar la fakto, ke iu nacio ne adoptas humanajn laborkondiĉojn, malhelpas la klopodojn de la nacioj, kiuj deziras plibonigi la staton de la laboristoj en sia propra lando.“

De longe, la laboristaj kongresoj, la ekonomiistaj kaj juristaj asocioj estis atentigintaj pri la neceseco de internacia laborjuro kaj eĉ estis preparintaj ties unuajn formulojn. En 1906 kaj 1913, iuj registaroj estis sendintaj al Bern delegitojn por komune ellabori kelkajn partojn de la industria reguligo, poste konfirmotajn de la naciaj parlamentoj. Kiam eksplodis la milito, tiu lasta formalaĵo pri la decidoj de la lasta konferenco ne estis ankoraŭ farita.

La konferenco en Washington povas esti rigardata kiel la heredinto de la antaŭaj kunsidoj en Bern, sed dum ĉi tiuj enhavis inter siaj membroj nur superajn ŝtatfunkciulojn, la pacotraktato dekretis, ke la nova institucio, organo de l' Societo de la Nacioj, enhavu reprezentantojn de la registaroj, de la labordonantoj kaj de la laborprenantoj.

Tuj kiam la pacokongreso estis aprobinta la ideon pri internacia laborkonferenco, la organiza komitato sendis al ĉiuj ŝtatoj tre detalan demandaron pri la kvin partoj de la konferenca programo.

La unua koncernas la aplikon de la principo de l' ok-hora labortago aŭ de l' kvardek-ok-hora semajno. Diversaj landoj akceptis leĝojn pri tio. La leĝotekstoj devas esti kunmetataj kaj komparataj; oni faros proponojn por ilin kiel eble plej multe samigi. Estus interese, ke en ĉiuj landoj la labordaŭro estu sama por samaj industrioj, ke oni akordiĝu pri la tiel nomata „efektiva laboro“ kaj pri la eblaj esceptoj. La labordaŭro estas unu el la ĉefaj faktoroj, ne la sola, de la laborproduktado; estas juste, ke la nacioj zorgantaj pri la bonstato de siaj laboristoj, ne estu en la ekonomia konkurenco

handikapataj de la landoj, kiuj konservas longan labordaŭron; por tio ĝenerala akordiĝo estas necesa.

Ankaŭ necesa ĝi estas por solvi la duan demandon traktotan, nome: la agado kontraŭ la senlaboreco. Jam de dek jaroj ekzistas internacia asocio por la studo de tiu problemo. La rimedoj proponitaj por kontraŭbatali aŭ eviti la senlaborecon estas multaj; ilia efiko kreskas kun la vasteco de la labormerkato, kie ili estas aplikataj. Internaciaj organizajoj por dungado kaj kontrolado de la laboristaj migroj, internaciaj asekurinstitucioj, akordiĝo pri la plenumo de grandaj publiklaboroj ebligus la reguligon de la laborado kaj la helpon al la laboristoj suferantaj pro industria krizo.

La lastaj tri demandoj ekzamenotaj koncernas la protektadon de la virinoj kaj infanoj uzataj en la industrio. La pli multaj ŝtatoj posedas sufiĉe progresintan protektleĝaron; oni devas ĝin akceptigi de ĉiuj aliĝintoj al la Societo de la Nacioj. Oni unue petos, ke ili aliĝu al la Bernaj konvencioj (1906 kaj 1913), kiuj malpermesas la noktan laboron al la virinoj kaj al la infanoj kaj ilian okupiĝon je certaj malsanigaj taskoj.

Sed ankoraŭ timemaj estas tiuj konvencioj. Oni komprenis, ke estas necese kompletigi ilin. La listo de la malsanigaj laboroj devas esti pligrandigata, la esprimo „nokta laboro" devas esti pliprecizigata. Aliparte, necesas fiksi almenaŭ je dek-kvar jaroj la aĝolimon por la enlaso de la infanoj en la industrion kaj certigi al la ĉiulandaj laboristinoj la sanecan protektadon, kiam ili estas akuŝontaj kaj akuŝintaj.

Oni konstatos, ke la programo de la konferenco estas vasta. Sed oni ne kredu, ke el ĝiaj diskutoj rezultos leĝotekstoj tute pretaj por tuja apliko. La rajtoj de la konferenco estas klare difinitaj. Unuparte ĝi povas esprimi pri ĉio enkondukinda en la laborjuron rekomendojn, kiujn la ŝtatoj estas liberaj efektivigi aŭ ne. Ĝi ankaŭ povas akcepti verajn internaciajn regulojn, sed tiuj ĉi estas plenumeblaj nur post la parlamenta konfirmo de ĉiu ŝtato.

Estas dezirinde, ke ĝi uzu la rajton fari pozitivajn preparajn akordiĝojn. Per la laborkodo estos komencata la starigo de la alcelata internacia leĝaro.

Laŭ *Roger Picard.*
Trad.[1]: *A. R.*

[1] El la revuo „L'Opinion".

 SOCIA VIVO 

# Pri vojaĝo al nuna Rusio

En N-ro 227 (7) ni, ne prenante respondecon pri la enhavo, dokumente presigis artikolon de S-ro P. Birjukov, parenco kaj biografo de Leo Tolstoj, pri vojaĝo al nuna Rusio. Responde al liaj asertoj, S-ro Paul Medem, prezidanto de Kovna Esp. Societo kaj dum 1917—1918 prezidinto de la Societo „Espero" en Petrogrado, petas nin presigi la suban artikolon. Tion ni volonte faras pro senpartieco, deklarante, ke per ĉi tio ni finas la diskuton, kiu, kvankam interesa en si mem, estas ekster la kutima agadkampo de nia gazeto. — (*Red.*)

Tralegintc la artikolon de l' estimata S-ro Birjukov, mi sentas min devigata doni kelkajn klarigojn. Sendube estas tre ĝojiga la malkonfirmo de la informoj pri la rabdetruo de Jasnaja Polana[1]. Ĉar S-ro Birjukov konvinkiĝis pri tio ĉi propraokule, ne restas plu ia dubo. Mi tute ne volas diri, ke la faktoj cititaj en la artikolo estas malveraj, nek komenci polemikon. La aŭtoro estas tute fidinda persono, sed li evidente ne sufiĉe longe restis en la malfeliĉa Rusio kaj iom unuflanke taksas la situacion. Mi estis en Petrogrado de post la komenco de l' milito ĝis la 18 oktobro 1918, kaj mi povas atesti, ke la lando estas tre malproksima al la sento de feliĉo aŭ eĉ de kontentiĝo pro la bolŝevikaj reformoj, kiel povus ŝajni al la leginto de la artikolo. Eble la intencoj de kelkaj tre malmultaj solaj idealistoj estis bonaj, eĉ ne ĉiuj dekretoj estis malbonaj, sed la agadmaniero de ĉi tiuj plibonigistoj, la metodoj por enkonduki en la vivon ĉiujn reformojn estis tre malbonaj. Amaso da aviduloj, havantaj nur personan monan intereson, alkroĉiĝis al la movado, ĉirkaŭis la gvidantojn, kaj por atingi siajn egoistajn celojn, nenion atentis, nenion indulgis. Tuta la movado, jam de unuaj paŝoj, kiam Lenin proklamis al la proletarioj: „forrabu la forrabitajojn!" difektiĝis kaj transformiĝis en seninterrompan teroron kaj rabadon.

Pri kelkaj lokoj de la artikolo mi dezirus atentigi. „La kaŭzo de la vivembarasoj estas la blokado." Kun tiu ĉi opinio de S-ro Birjukov mi ne povas konsenti: neniam Rusio ricevis la plej necesajn nutroproduktojn el eksterlando; ĉiam ni havis sufiĉe da pano, viando, butero, ovoj, lakto, k. t. p.; ankaŭ la hejtaĵo en Rusio neniam mankis. Tute aliaj estas la kaŭzoj de tiu ĉi malfeliĉo, multe pli profundaj ili estas ol la blokado. Sed por tion pritrakti oni devus verŝajne uzi ne malmulte da inko . . .

„Pensi libere . . ." Mi tre dubas, ke oni povas en nuna sovjeta Rusio pensi libere. Se viaj pensoj ne estas konformaj al la bolŝevikaj, vi riskas esti starigata al la muro . . . la sistemo de la sekreta polico estas multe pli disvolvita ol en la caraj tempoj . . .

„La lukso plene forestas . . ." Mi certigas, ke mi propraokule vidis kelkajn komisarojn, iliajn helpantojn, kaj multajn maristojn („beleco kaj fiereco de l' revolucio!") en luksaj botoj, belegaj novaj vestaĵoj, kun hararo brila kaj glate kombita, kun ungoj perfekte poluritaj; iliajn edzinojn aŭ virinojn kun ili estintajn mi vidis efektive lukse vestitaj, ornamitaj per diamantoj kaj perloj; eĉ laboristinojn mi vidis kun silkaj ŝtrumpoj kaj dikaj oraj braceletoj. Kompreneble ĉe la „burĝaro" lukso *for*estas, ĉar ĝi estas *for*prenita . . .

„Domaj komitatoj elektitaj de ĝenerala kunveno de luantaro". — Tre amuza kaj samtempe ĉagreniga estis tiu elekto. Mi partoprenis ĝin: la luantaro de nia domo elektis unuvoĉe kiel prezidanton de la komitato tre estimindan sinjoron. La ĉeestinta deputato de l' registaro lin ne konfirmis kiel „burĝon" kaj ordonis tuj elekti alian. Estis elektita la tiel nomata „supera kortisto". Ankaŭ tiu ĉi ne plaĉis al la deputato, kiu tiam elektis mem kiel prezidanton unu laboriston, pri kies bolŝevismo la deputato estis certa. En aliaj domoj okazis simile.

Krom tiuj ĉi miaj personaj impresoj mi citos kelkajn eltranĉajojn de kompetentaj opinioj presitaj. Jen kion skribas la korespondanto de „Times" el Ĥarkov (septembro 1919): „Nuntempe tie ĉi estas trankvila vivo. Terura tempo por la urbo estis la regado de bolŝevikoj. El 268 homoj ekzekutitaj sen juĝo per la loka „Eksterordinara Komisiono", multaj estis turmentegitaj: la subteraj tuboj de la urba kanalizacio estis ligitaj kun la keloj de tiu domo, en kiu okazadis la kunsidoj de la „komisiono", kie estis enŝlositaj la malliberigitoj. Kiel objektaj pruvoj de ilia turmentego servas la al mi montritaj pecoj de homa haŭto, havantaj aspekton de gantoj. Ilian devenon oni klarigas per tio, ke homaj manoj estis tenataj en varmega akvo ĝis kiam la haŭto foriĝis. Oficiala komisiono nun kolektas nerefuteblajn pruvojn por ilin prezenti al Eŭropo. La rakontoj pri senhomaj kruelajoj de komisaro Sajenko, estinta laborpunito (el Siberio), ankoraŭ cirkulas kiel rememoroj pri premsonĝo. Post foriro de la bolŝevikoj la ekonomia vivo restis tute detruita dank' al la ŝtatigo. La profesoroj de l' universitato kuraĝe batalis

[1] Domo kaj bieno de Leo Tolstoj. — (*Red.*)

kontraŭ la mastrumado de la bolŝevikoj en la aferoj de popola klerigado, tamen la bolŝevikoj starigis malsuperan kuracistan helpanton (subĥirurgo) kiel dekanon de medicina fakultato. Ili malbonigis kaj forrabis la bibliotekon, laboratoriojn, meblaron, kaj tute detruis unu el la konataj superaj lernejoj, por kies kreo pasis 50 jaroj."

Advokato Jean Erlich, membro de la Franca socialista partio, venis Petrogradon en aŭgusto 1917. Li ĉeestis la bolŝevistan revolucion kaj vidis la dispelon de la Nacia Kunveno, elektita de la tuta popolo. Poste li translokiĝis kun la bolŝevikoj Moskvon, kie li restis ĝis novembro 1918, kaj lastan tempon ĝis aprilo 1919 li travivis en sudo de Rusio. Li skribas interalie: „Dum du jaroj mi havis eblon observi la bolŝevikojn; mi legis iliajn gazetojn, ĉeestis iliajn kunvenojn kaj preskaŭ ĉiujn konsilkunsidojn; mi aŭdis multajn paroladojn de Lenin kaj Trockij, mi parolis kun tuta vico da bolŝevikaj gvidantoj, ankaŭ kun reprezentantoj de diversaj Rusaj socialistaj partioj, — kaj post du jaroj de observado kaj studado mi kunmetis sufiĉe difinitan kaj kompetentan opinion. Mi scias, ke en ekonomiaj kaj sociaj interrilatoj la bolŝevismo kondukis al neimagebla katastrofo kaj al komuna ruiniĝo. Sendube la Rusa burĝaro estas ruinigita, sed kune kun ĝi pereis la tuta industrio por malprofito de la Rusa proletariaro. La bolŝevismo povis nur naski malsaton kaj mizeriĝon de Rusio, kiu ankoraŭ antaŭ ne tiom longe estis nutranto de la pli granda parto de Eŭropo. Rusio, lando posedanta neelĉerpeblajn riĉajojn, kiuj povus esti utiligataj sub la kondiĉo de enkonduko de fruktokreantaj sociaj reformoj, nun prezentas el si dezerton kaj grandegan tombejon."

Antaŭ nelonge revenis el Rusio, kie li estis tri jarojn, kolonelo John Ward, deputato de la laborista partio en la Angla Parlamento. Li atestas, ke „la sciigoj de Anglaj gazetoj pri terurajoj ne estas troigitaj. Kontraŭe, li dubas, ĉu estas konata almenaŭ duono de l' vero . . ." „Se vi deziras scii, kio estas bolŝevismo, vi devus esti kun mi en Permj, kiam la rivero liberiĝis de glacio kaj aperis elnaĝantaj kadavroj de l' homoj mortigitaj de bolŝevikoj. Ĉiumatene mi povis kalkuli ĝis kvindek kadavroj, inter kiuj estis virinaj kaj infanaj. La bolŝevikoj enŝlosigis siajn viktimojn en dometon meze de l' rivero. En la planko de tiu ĉi dometo estis truo, tra kiu ili jetadis siajn viktimojn en la ondojn. Vi ne povas prezenti al vi, kion estas kapabla la bolŝevika perfortemo. Ĉiu oficisto tenas forte en la manoj siajn subulojn. Ĉiu agas nur pro timo, ke oni lin denuncos, kaj li estos kondamnata al morto . . ." „Bolŝevismo estas forto detruanta; ĝis nun ĝi ankoraŭ nenion kreis. Aserto, ke bolŝevismo estas regadformo dezirata de Rusa popolo estas malvera. La bolŝevikoj neniigis la animon de l' popolo. Neniu povas ion diri kontraŭ ili, ne timante por sia vivo."

Persono, sukcesinta veni Varsovion el Petrogrado, rakontis al kunlaboranto de gazeto „Haint", ke nun por povi vivi en Petrogrado estas bezone elspezi ne malpli ol 1000 rublojn tage. Funto (400 g) da pano kostas 150 rublojn, kaj eĉ je tia prezo estas malfacile ĝin trovi. Butero kostas 240 rubl., sukero 200 rubl. (funto). La loĝantoj, ne havantaj senperan rilaton al la bolŝevikoj, vivas per tio, ke ili disvendas iom post iom sian tutan ankoraŭ restantan havajon. Hodiaŭ ili vendas ŝuojn por 1700 rubloj, morgaŭ palton, ĉapelon, k. t. p. — Multaj mortas pro malsato! . . .

Mi povus citi ankoraŭ multon, sed sufiĉas.

*Paŭlo Medem.*

---

# Novaj kamaradinoj

En bela julia antaŭvespero mi iras tra la silenta valo. Subite atingis min gajaj sonoj de kanto. Ĝi fluis el verda densajo; post momento en vojturno aperas grupeto da knabinaj figuretoj, kaj jam alvenas kun sprita, vigla, energie gaja ritmo, sanaj, kun sunbrunigitaj vangoj; junaj okuloj fajreras, kaj el la brusto senĝene sonas stranga kanto, neniam antaŭe aŭdita el virinbuŝo.

Ili iras energie, kun fortaj piedoj, kun bonegaj muskoloj. Preterirante min, ili ekridis kun gajaj okuloj kaj jam malaperas sub la verda densajo.

Skoltinoj. Eble ne longe daŭronta moderna ludo, kiu pro sia Indiana sovaĝeco povus ĝis morto veki teruron ĉe la malnovmodaj patrinoj aŭ edukistinoj, sed eble io pli multe ol ludo.

Mi postrigardis tiujn ĉi knabinojn kun gajaj okuloj, kaj ŝajnas al mi, ke tie, sub la klara verdajo iras kun ili la feliĉo de estonta, pli bela vivo. Ŝajnas al mi, ke tiuj knabinoj jam sekrete enhavas estontajn virinojn de pli bela edzineco kaj patrinojn de nova, pli bela patrineco.

Hodiaŭ ili estas kamaradinoj de knaboj, kunulinoj de skoltoj, same haŭtbrunaj, vigle sanaj, ekzercitaj kaj harditaj kiel tiuj knaboj, same sun- kaj aeramantaj; morgaŭ ili estos novaj kamaradinoj de viroj, kiel tiuj ĉi same sanaj, fortaj, kuraĝaj, kiel ili same konantaj sian vojon kaj rolon.

Mi volus al tiuj novaj knaboj kaj knabinoj krii: Persistu forte sur tiu ĉi vojo de sana vivo kun la libera naturo, kun la tero, ĉe la suno kaj vento, ĉe bivakfajroj, sur la bordoj kaj en la akvoj de puraj riveroj, en la arbaroj! Morgaŭ kiel junuloj kaj junulinoj, postmorgaŭ kiel viroj kaj virinoj, pli poste kiel patroj kaj patrinoj, vi konvinkiĝos, ke tio estis ĝusta vojo al riĉa, feliĉa kaj ĝoja vivo, vi konstatos kun profunda ĝojo, kiel viaj korpoj ekkreskis kune, same fortaj kaj sanaj, kiel viaj animoj kreskis kaj kune disvolviĝis. Precipe vi, knaboj, klopodu kompreni la belecon kaj prezon de tiu ĉi multvalora donaco de via juneco: verajn kamaradinoj. En ili, el la abomena tempo plena de detruo, ekfloras la ebleco de pli bela vivo, kiun la knaboj antaŭ vi ne travivis, krom en la malproksima estinteco, sub la blanka ĉielo de maljuna Grekio.

Nia juneco ne havis tiajn verajn kamaradinojn. Kiel ni povus do trovi ilin pli poste? Tiu ĉi juneco de proletariaj kaj duonproletariaj infanoj sur la pavimoj kaj en dezertaj konstruejoj de antaŭurboj elkreskis tute izolita, preskaŭ tute sen belaj kaj karaj rilatoj al la knabina vivo, ankaŭ soligita por si mem.

Eksterurba knabo trovas en eksterurba knabino pli facile veran kamaradinon; lia vivmaniero estas preskaŭ la sama; tio pli poste havas grandan signifon por la maturaĝuloj. Inter urbaj infanoj oni metas frue fatalan baron; sekve de tio kreskas el ili duspecaj korpoj, eĉ animoj, duspeca vivo, eĉ mondo de sentoj, klopodoj, opinioj kaj ideoj. Tiu ĉi frua apartigo de la junularo laŭ la sekso havas grandegan influon por ilia estonta vivo. Tiu ĉi fatala influo iras poste eĉ en la edzeco, ĝi trafas la familion. La lernejo ankaŭ estas kulpa, apartigante la infanojn laŭ la sekso. En nia juneco jam komencis tiu ĉi malfeliĉa baro. Multe da malbono, multe da sufero ni pro ĝi poste sentis. Sekve de tio ni jam en knabeco rigardis al la knabina vivo kun malestimo. Tiuj knabinoj nenion konis, nenion komprenis, nenion sciis! Memkompreneble ilian konadon ni mezuris laŭ nia kapableco.

Ĉu ili estis kapablaj teni grandan drakon? Ĉu kapti musojn, salamandrojn, ĉu ili povis fumi la pipon en Indiana tendaro? Ĉu ili povis grimpi la telegraffostojn? Nenion

el tio. Ili konis nenion, kaj ni ilin malrespektis. Ili ĉiam lau la prototipo de siaj patrinoj ludadis hejme kun siaj malsaĝaj pupoj, ĉiam ili kuiris ion neniam manĝeblan, sidis kaj kroĉtrikis naivajn objektojn, legis enuigajn babilaĵojn por la knabina junularo.

Tiel, laŭŝajne najbare, sed efektive milojn da kilometroj unu de la alia, en duspeca vivo, pasis niaj junaj jaroj, knaboj por si mem, knabinoj ankaŭ por si mem. Malfrue, tro malfrue ekaperis la sekvoj de tiu ĉi apartigo. Multaj el ni sekve de tio suferis. Ofte, malgraŭ tio, ke ni malestimis la knabinojn, ni tamen sentis tute klare, ke ni ĉiam perdas ion nekonatan pro tiu ĉi apartigo. Ni sentis, ke ni estus pli gajaj, pli belaj, se tiuj ĉi knabinoj estus kun ni. Ni sentis, ke najbare de ili, sub iliaj rigardoj, ni povus pli multe. Mankis al ni ofte iu impulso, kaj ni supozis, ke tiun ĉi impulson povas doni sole la knabinoj. Sed aliaj devus esti tiuj ĉi knabinoj. Kiel ni mem. Ni ofte diskutadis, ke Dio malbone tion kreis, ke knabinoj neniam povus esti aliaj. Nur poste ni sentis, ke kulpa estas ne Dio, sed la homa malsaĝeco, malsaĝeco de gepatroj kaj edukistoj, kiuj mem suferis pro la malsaĝeco de siaj gepatroj, sed malgraŭ tio lasis siajn proprajn infanojn en tiu ĉi vivo, plena de malkonsentoj, fremdeco, antaŭjuĝoj.

* * *

La malnova sistemo de la seksapartigita edukado de la junularo estas malbono; plej suferas de tio ĝuste tiu junularo, kiam ĝi maturiĝas, kaj devas krei el ambaŭ disigitaj duonoj fortan, sanan edziĝon kaj familion kaj poste eduki novan generacion, ne sole nuntempan laŭ la kronologioj, sed laŭ la enhavo. Ke la knabinoj urbaj estas ĉiam pli multe malfortaj kaj malsanaj, obstinaj, malpli liberaj kaj memstaraj, kaŭzis tiu ĉi senprudenta edukado. Knabino tiel edukata dum juneco restos ĉiam nememstara, nekapabla por forta, plena vivo, eĉ kiam ŝi maturiĝos. Tiuj ĉi virinoj estas poste fatalaj ŝarĝoj al siaj edzoj, kaj la malfeliĉo de siaj propraj infanoj; el tio devenas la ĉagreno de la familioj, la forkuroj de la edzoj el la propraj mastrumoj en gastejojn kaj aliloken. El tio devenas eĉ la suferoj de la infanoj, naskiĝintaj por sia malfeliĉo el kuniĝo de tiaj viro kaj virino. La transformiĝo de la malnova edzeco kaj de la malnova familio, ambaŭ jam antaŭ longe duonputriĝintaj, estas certe urĝa necesaĵo.

La hodiaŭa viro, tio estas memstara ĉapitro. Mi diros pri tio malmulte da vortoj. La hodiaŭa viro, la urba viro, estas al mi nenia idealo de vera vivo; li ankaŭ vivas malbone, malsane, sed alie ol la virino. En la juneco li kiel knabo certe vivis pli sane ol knabino; sed jam en la unuaj jaroj de la vireco lia vivo transformiĝas; tio estas la influo de la drinkado, la absurda malŝparemo de la seksa forto, la trouzado de venenoj, la malbona nutraĵo, ankaŭ la studoj, la influo de la profesio, k. t. p. Nur malplimulto da viroj, dank' al sporto, gimnastiko, turismo, vivas pli sane; sed tiu ĉi malplimulto tute ne sufiĉas por kompensi la grandegajn perdojn, kiuj devenas el la malbona vivado de la aliaj. Vere homindaj povas esti nur viroj sanaj, harmonie disvolvitaj, fortaj, puraj. Tiuj viroj en unua vico, ne la malsanaj duonhomoj, bezonas virinon novan, alian ol ĝis nun. Ĉar ili ambaŭ estas sanaj kaj komprenas pli forte la grandecon de la generacia evoluo, ili sentas la bezonon plibonigi tiun ĉi evoluon per naskado de infanoj plene valoraj; abomena estas al ili la konscio, ke tiel gravega afero estas prizorgata de viroj tute impotentaj, kiuj kun virinoj same senvaloraj naskas infanojn malfortajn, destinatajn al la malfeliĉo.

Sed por ĉiuj tiuj novaj viroj ne ekzistas ankoraŭ egalvaloraj novaj virinoj; estas jam certe inter ili ankaŭ virinoj sanaj, liberaj, sed ĝis nun tro malmultaj. Tial multe da novaj viroj vivas sian vivon malplene. Ili longe serĉas novan virinon alian, sed kion ili trovas? Ankaŭ virinon *alian*, sed alian nur rilate inteligentecon. En tio ofte estas fatala elreviĝo. Ĉar tiu ĉi inteligenteco estas plejparte inteligenteco falsa, maldetala, papera; ĝi konsistas el plenigo de nekapabla kapo per multeco de ĉiuspeca, malorda, nekompleta duonscio, ellerno de malbonaj citoj kaj frazoj el ordinara gazeta legado, el konado de aro da modernaj kaj modernegaj romanoj, sen iu profunda kompreno. Tia malkara inteligenteco estas preskaŭ ĉiam senigita je la vera inteligenteco, t. e. la plena konscio kiel vivi, por kio vivi plej libere. „Intelligere" devenas el latina lingvo kaj signifas simple „kompreni". Inteligenteco povas do signifi nur la kapablecon de sento por la vivo; kontraŭ tiu ĉi vera inteligenteco staras la papera pseŭdo-inteligenteco. Sed tiu ĉi malkara inteligenteco estas nur supraĵa, kaj ĝia celo estas nenio alia ol la edziniĝo. Kiom da tiel „inteligentaj" virinoj mortas anime sur la altarŝtuparo!

En tiu ĉi anaro da *novaj* virinoj kun la falsa masko de malkara inteligenteco estas neeble trovi novan virinon por nova viro; se li viro edziĝos kun ŝi pro fatala eraro, kaj se li restos eĉ poste nova viro, post la senmaskigo de sia edzino, ili travivos kruelajn internajn dramojn, kiujn ĝis nun la literaturo ne elpentris. Kaj la infanoj de tiaj geedzoj estos kompatindaj orfoj, eĉ jam dum la vivo de siaj gepatroj.

Novaj viroj kaj novaj virinoj estos certe ankaŭ inteligentaj homoj. Sed ilia inteligenteco estos tute diferenca de la hodiaŭa malkara, supraĵa, ofte trompa inteligenteco papera.

*G. Jaroš.*

El Bohema lingvo trad.: *Xaver Kučera.*

---

# Insektŝtatoj

Dum ĉe la plej alte organizitaj grupoj de la vertebruloj ni trovas societajn emojn, kiuj apenaŭ aŭ neniel diferenciĝas de la plej malalte starantaj homrasoj, ĉe la artikuloj estiĝis sur tute alia bazo societoj de samspeculoj, kiuj pro la unueco de ilia strukturo, la rigida leĝeco, laŭ kiu fariĝas la agado de l'unuopulo kaj de la tuto, la rigora disiĝo de la funkcioj, estis ĉiam konsiderataj kiel ŝtatoj. Temas pri la ŝtatoj de la abeloj, burdoj, vespoj, formikoj kaj termitoj. Oni certe ne povas dubi, ke ĉi tie videbliĝas fenomeno tre stranga, vere admirinda pro la grandiozeco kaj diverseco de la plenumitaj agoj; tamen tiuj societoj, senescepte starigitaj sur seksa bazo, vere tute ne similas al veraj ŝtatoj. En ili ne kuniĝis kolekto de libere volantaj individuoj; sed la principo de la labordivido, bazita sur la diferencaj funkcioj de la seksoj ĉe la nasko kaj bredo de la nova generacio, kaj aplikita ĝis neebleco de individua memstareco, kreis ĉi tie organismon tre originalan kaj rigidegan. En ĝi ĉiu membro, sen helpo de direktado reganta la tuton, plenumas la taskojn, al kiuj ĝi estas devigata laŭ sia seksa stato kaj sekve de longedaŭra bredado per fortegaj instinktoj, senigitaj je ĉiu ajn libereco.

La karakteriza trajto de la insektŝtatoj montriĝas, kiel jam dirite, en la rigore plenumita labordivido por la produkto de la ovoj kaj por la kovado. La lasta estas ĝenerale farita de inoj ne fruktigitaj (vespoj, burdoj) aŭ malperfekte disvolvitaj (abeloj, formikoj), la tiel nomitaj laboristinoj, nur malofte ankaŭ de ne malvolvitaj virseksuloj (termitoj); sed la

normale funkciantaj vir- kaj virinseksuloj pli-malpli perdis la instinktojn de la gepatra zorgemo al ilia idaro. La virseksuloj tiam fariĝas senutilaj burdoj, necesaj nur por la kunpariĝo, dum la inoj havas tute ekskluzive la devon produkti ovojn en grandegaj kvantoj. La propra laboro, la zorgo pri loĝigo kaj nutro de miloj da elkreskantaj junaj larvoj, la protekto kontraŭ la malamikoj kaj aliaj danĝeroj, estas la tasko de la „laboristoj", kiuj do devas esti rigardataj kiel la veraj regantoj, kiom ajn la posedo de ovofarantaj inoj, la „reĝinoj", estas al ili necesa por la laŭregula funkciado de la tuto. La membroj de tia komunumo sendube tre intime interrilatas. La reciprokaj rilatoj, kiel pruvas multnombraj provoj, fariĝas unue per la tiel nomita nestodoro, kiu verŝajne estas kaŭzata de la specifa odoro de la sekrecio el la salivglandoj; alia ŝajne sufiĉe grava interkomunika kapablo ebliĝas per reciproka tuŝeto per la palpiloj. Kiel socialajn ligilojn oni, laŭ Wasman, devas konsideri la instinktan sentadon de la reciproka dependado, la societemon kaj la imitemon; sed la realiĝo de tiuj socialaj emoj de la unuopuloj estas determinata kaj gvidata de individuaj sentspertoj.

La servoj de insektŝtato organizita kiel priskribite estas mirigaj, kaj de longe fiksis la atenton de multaj esploristoj. Unue oni admiras la konstruarton de tiuj insektoj, de la ĉelaraj konstruaĵoj de la abeloj kaj vespoj, starigitaj kun matematika precizeco, ĝis la labirintaj galerioj kaj koridoroj de la formikoj, kaj gigantaj konstruaĵoj de la Afrikanaj termitoj. Ne malpli varia kaj admirinda estas ankaŭ la propra kovado, kiu fariĝas laŭ du malsamaj principoj, ĉar ĉe la abeloj kaj vespoj ekzistas la rigida ĉelsistemo, en kiu ĉiu larvo en aparta ĉambro ĉiutage ricevas certan porcion da nutraĵo, dum ĉe la formikoj kaj termitoj la larvoj estas multope nutrataj en la koridoroj kaj ĉambroj. Ŝanĝoj en tiuj du ĉefmetodoj montriĝas unuparte ĉe la senpikilaj abeloj aŭ meliponoj de la tropiklandoj, aliparte ĉe la burdoj. La unuaj verdire konstruas ĉelojn kiel la mielabeloj, sed ne nutras la larvojn; ili tuj provizas la ĉelojn per la necesa kvanto da florsemo kaj mielo, kaj poste ilin fermas. Ĉe la burdoj, la ĉeloj, starigitaj senorde el vakso, poleno kaj rezino, ludas nur malgrandan rolon; ili estis plenigataj per ovoj kun konstanta plenigado per la aldonota poleno, sed ree detruataj ĉe la pupiĝo de la larvoj, tiel ke poste la malplenaj pupokokonoj, laŭ maniero de la abelĉeloj, servas kiel mielprovizejoj.

La alporto de la nutraĵo kaj la prizorgo de la kovaĵo ĉe la vespoj kaj burdoj estas farata principe de la nefruktigitaj, kaj verŝajne nur per partenogenetika naskiĝo de virseksaj individuoj kapabligitaj inoj, kiujn oni ankaŭ erare nomas „laboristinoj". Ĉe la abeloj, meliponoj kaj formikoj tiu ĉi servo estas farata de la per diversaj korpaj rimarkiloj karakterizitaj, malvolvitaj, sed plejofte por ovoprodukto kapablaj inoj, kiujn oni difinas kiel verajn laboristinojn. Ili dividiĝas en pluraj laŭ grandeco k. t. p. distingitaj kategorioj. Eĉ ĉe la mielabeloj oni povas distingi la en la abelujo okupatajn abelojn je la pli aĝaj flugabeloj. Ĉe la termitoj la nombro de la labormanieroj estas ankoraŭ pliigata pro tio, ke montriĝas ankaŭ malvolvitaj laborantaj virseksuloj.

Krom la prizorgo de la kovado, la laboristoj devas ankaŭ kontraŭstari al la malamikoj Por tio, ĉe multaj formikoj kaj termitoj, troviĝas specialaj „soldatoj" kun granda kapo kaj fortaj makzeloj. Al tiu funkcio rilatas ĉe la formikoj la militoj kun parencaj specoj, la ĉaso por akiro de sklavoj, kiel ankaŭ aliaj vere mirigaj aranĝoj (kulturo de greno kaj de fungoj, uzo de la folipedikoj kiel laktodonaj bovinoj, flegado de nombraj gastoj), kiuj alcelas provizadon de la necesa nutraĵo, eĉ de specialaj frandaĵoj.

Ĉe ĉiuj tiuj diversaj laboroj kaj aranĝoj la laboristoj agadas malsame, laŭ la cirkonstancoj kaj siaj individuecoj, sin laŭpove reciproke subtenante, kiam unu komprenis la intencon de la alia; oni eĉ ofte observis, ke ili flegis vunditojn kaj malsanajn kunulojn. La virseksuloj kaj la inoj estas nutrataj same kiel la larvoj; sed la unuaj ofte ĉe komenciĝo de vintro estas malzorgataj aŭ eĉ mortigataj (batalo de la falsaj burdoj). Sed la inoj reprezentas, por tiel diri, la ligilon, kiu kunigas la komunumon, ĉar sen ili tiu ĉi disfalus kaj pereus. De tiuj „reĝinoj" la abelŝtato enhavas nur unu, kiu post la kovado, kun parto de sia popolo forflugas, kaj postlasas la ujon al sekvontino. Ankaŭ ĉe la vespoj kaj burdoj oni trovas, almenaŭ ĝis aŭtuno (kiam aperas ankaŭ kelkaj virseksuloj) plejofte nur unu fruktigitan inon, nome la saman, kiu post la vintra dormo ekfondis la kolonion, dum la aliaj de ĝi kreitaj, kaj kiel laboristinoj funkciantaj inoj, restas nefruktigitaj, estante tamen kapablaj por partenogenetika ovoproduktado. En la ŝtatoj de la termitoj ekzistas ĝenerale krom unu ovofaranta ino, la reĝino, ankaŭ nur unu plene malvolvita virseksulo, la reĝo. Nur malofte troviĝas en la sama ujo du paroj. Ĉe la formikoj kontraŭe vidiĝas, krom multnombraj virseksuloj preskaŭ ĉiam kelkaj, eĉ multaj plene malvolvitaj kaj fruktigitaj reĝinoj, kaj ne okazas ĉi tie la „dramoj pro jaluzo", kiujn ludas la konkurantinoj en la abelŝtatoj. Wasman opinias, ke tiu ĉi speciala okazaĵo en la formikŝtato eble devenas de la pli longa vivo de la formikaj laboristoj (2—3 jaroj, kaj nur kelkaj semajnoj ĉe la abeloj); pro tio la laboristoj fariĝas, malpli dependaj de la reĝino, ĝis tia grado, ke ili povas sen konfuzo toleri la kunekziston de kelkaj reĝinoj.

La furaĝado de la larvoj vir- kaj virinseksulaj fariĝas, escepte ĉe la burdoj kaj meliponoj, de buŝo al buŝo per la kaĉo (abeloj) aŭ per la suko de l'kropo. Tre interesa estas la malvolvo de specialaj individuoj ĉe la Meksikaj abelformikoj, t. e. de laboristoj, kiuj neniam forlasas la internon de la subtera nesto; post la fermo de la intesto per mordvundoj, ili estas plenigitaj per mielo tiel malmodere, ke ilia postaĵo similas al malgranda vinbero. En malgrasa sezono aŭ malbona vetero ili devas servi kiel mielujoj, el kiuj ĉiu laŭbezone povas esti nutrata. Ne malpli stranga estas la uzo, kiun faras la laboristoj de kelkaj arbformikoj el siaj larvoj, uzante ilin kiel ŝpinbobenojn, per kies helpo ili, supre en la branĉoj, kunŝpinas la foliojn por fari globan neston. Laŭ Halland la *œcophylla*, helpata de siaj larvoj, ankaŭ fabrikas ŝpinitajn zonojn, per kiuj ili ĉirkaŭas la trunkojn por sin gardi kontraŭ la atakoj de alia malgranda speco de formikoj. — Entute oni ne povas dubi, ke en la ŝtatoj de la abeloj, vespoj, formikoj kaj termitoj ni vidas la plej perfektan socialan organizaĵon de la besta regno. La fundamento, sur kiu estas starigitaj tiuj ŝtatoj, estis eble, kiel opinias Bœlsche, malĝusta, kaj produktis rigidecon; sed se ni konsideras iliajn servojn tute objektive, ili treege superas ĉion, kion montras tiurilate la plej homsimilaj vertebraj bestoj.

*Prof. K. Kraepelin.*
Trad.: *A. C.*

# ❀ NOTOJ ❀

∴ **La verkisto de „Sherlock Holmes" pri spiritismo.** — Sensacion faris lastatempe en Londono la paroladoj, jus publikigitaj, pri la postmorta ekzisto, kiujn faris Conan Doyle, la kreinto de la nesuperebla tipo de privata detektivo Sherlock Holmes. Conan Doyle raportas, ke nur dum la milito venis al li la ideo interesiĝi

serioze pri spiritismaj aferoj, pri kiuj li havis antaŭe, kiel multaj aliaj skeptikuloj, nur suprajan konon. Sed nun li ricevis tiom da certaj pruvoj, ke li gajnis fortan konvinkon pri la postmorta daŭro de la animo, en stato elmateriigita. Li citis tutan vicon da kazoj, ĉe kiuj sukcesis la rilatoj kun mortintoj, kaj interalie rakontis la travivaĵon de juna sinjorino, kies tri fratoj mortis en la milito, dum la kvara fariĝis kaptito en Germanio. Pri li oni ricevis neniujn informojn, escepte pere de mediumo, al kiu la animoj de la mortintaj fratoj malkaŝis, ke la kaptito bone fartas kaj sukcesos forkuri je certa tago, kio precize okazis. La verkisto deklaris sin preta ekzamenigi de seriozaj personoj ĉiujn kazojn pritraktitajn en siaj paroladoj. Pri la vivo en la alia mondo li konigis, ke mortintaj infanoj kreskas en sia senmateria korpo ĝis la junula aĝo, kaj ke aĝaj personoj rejuniĝas ĝis proksimume la trideka. La mortintoj kunlaboras je la perfektigo de nia civilizo. Ĉiuj subkonsciaj sentoj, abruptaj pensoj, certaj partoj de niaj sonĝoj estas klarigeblaj nur per konscia influo de la mortintoj. Li asertas, ke la psikologio staras antaŭ epokfaranta revolucio, kiu disjetos la tutan ĝisnunan sistemon. La plej kapablaj kapoj de la sciencistaro devus sin dediĉi al la studo de la novaj problemoj. Antaŭ tridek jaroj oni konsideris la telepation, hipnotismon, k. t. p. kiel fantaziaĵojn kaj ne havis la plej etan ideon pri la ebleco de telegrafio senfadena, la flugmaŝinoj aŭ la mirindaj ecoj de l' radiumo. Same la homaro ne komprenas nuntempe, kiaj eminentaj progresoj en psikologio estas farotaj. Cetere estus malsprite se ĝuste rilate al problemo tiel grava kiel la postmorta ekzisto la homaro devus resti ĉe la punkto, kie ĝi staris antaŭ 2000 jaroj.

∴ **Nunaj kaj malnovaj militperdoj.** — Pri la elspezoj kaj homperdoj dum la antaŭaj militoj, oni donas la jenajn ciferojn: Milito 1870/71: 14,000 milionoj da Fr., 396,000 mortintoj. Hispana-Usona milito (1898): 5350 milionoj, 90,000 mortintoj. Transvaalmilito (1899): 5275 milionoj, 30,000 mortintoj. Balkanmilitoj: 2600 milionoj, 90,000 mortintoj kaj vunditoj. La homperdoj pro la mondmilito estas taksataj je 29 milionoj, el kiuj 15 milionoj da mortintoj; ili estas okoble pli multaj ol la homperdoj dum la Revoluciaj kaj Napoleonaj militoj, kiuj daŭris 22 jarojn, kun kelkaj interrompoj. La militkostoj de la jusa milito estas taksataj jene: Germanio 231 miliardoj, Francio 160, Rusio 92, Britio 194, Usono 114. Entute la militintaj ŝtatoj elspezis 1014 miliardojn, t. e. sesoble pli multe ol ĉiuj militoj de l' komenco de la XIXa jarcento ĝis 1914.

∴ **La batalado kontraŭ la fumado.** — De kiam la movado por la malpermeso de la alkoholaĵoj en Usono tiel brile sukcesis, la samaj rondoj, kiuj dum multaj jaroj nelacigeble batalis kontraŭ la alkoholo, nun klopodas por forigi la fumadon. En kelkaj ŝtatoj, kiel Nebraska, Maine, Washington, Kansas, Indiana kaj Georgia oni faris aŭ intencas fari leĝojn kontraŭ la uzado de l' tabako. En Nebraska, la kontraŭtabaka ligo atingis, ke estas leĝe malpermesite al la gazetoj publikigi reklamojn, kiuj celas la vendadon de cigaroj aŭ cigaredoj; en ĉiuj preĝejoj oni rekomendas tabakabstinon. Krom tio la virina ligo de la Kristanaj abstinuloj fervore laboras, por ke oni aldonu al la konstitucio paragrafon pri la malpermeso de l' tabakuzado en tuta Usono. Kiu konas la influon kaj energion de tiu ligo, scias, ke sukceso ne estas neverŝajna, almenaŭ post kelkaj jaroj.

∴ **Eldorado de poŝtmarko-kolektantoj.** — Sendube Hungario estas nuntempe Eldorado de la poŝtmarko-kolektantoj. Sur la teritorio de la iama reĝolando Hungario nuntempe rondiras ne malpli ol 1342 diversaj poŝtmarkoj, jam per si mem tuta kolekto. La kialo de tia riĉeco estas la politikaj cirkonstancoj, kaj per la poŝtmarkoj oni povas sekvi la doloran vojon, kiun tiu lando devis iri post la disfalo de la fronto. Unue la registaro de grafo Karolyi eldonis novajn poŝtmarkojn, kiuj portis la surskribon „Hungara poŝto" anstataŭ „Reĝa Hungara poŝto" (Magyar. Poszta, Kiraly. Magy. Poszta). Tiuj markoj rondiris ĝis la proklamo de la sovjetrespubliko. Bela Kun ŝanĝis tiujn markojn per surstampo. Plie oni eldonis novajn markojn, kiuj montras la bildojn de komunistaj famuloj. Sed tiuj poŝtmarkoj tute ne estis uzitaj, malgraŭ tio, ke la tuta serio kostis kompare tre multe; la sovjeta registaro vendis grandkvante al Vienaj poŝtmark-vendistoj. Nun la registaro de Friedrich devas uzi la jam unufoje surstampitajn poŝtmarkojn, aldonante novan surstampon per trastreko de la dumsovjeta alinomigo. Sed per tiuj markoj la varieco de la Hungaraj poŝtmarkoj ankoraŭ ne estas finita. En la teritorioj okupitaj de la Jugoslavoj, Rumanoj, Francoj la Hungaraj poŝtmarkoj ricevis alian surstampon; ankaŭ la kontraŭregistaro en Szegedin stampigis la troveblajn poŝtmarkojn per speciala stampo. La plej multaj de tiuj ne estis uzitaj laŭ la kutima uzo; laŭ recepto de la sovjeta registaro oni vendis senpere al la poŝtmark-negocistoj. Signife estas, ke serio de tiaj markoj kun indikita valoro de 23 kronoj jam estas vendata por 1000 ĝis 1500 kronoj en la poŝtmarka komerco. Por la poŝtmarkoj de la registaro en Szegedin oni eĉ postulas por la tuta serio 3000 kronojn. — *Hansjakob.*

∴ **La nova Bagdad-linio.** — La ĝenerala direktoro de la Bagdad-fervoja linio lastatempe deklaris, ke laŭ lia opinio la fervojo atingos la Persan Golfon antaŭ malpli ol du jaroj. Speciala korespondanto de la „Times" esprimas la opinion, ke la laboroj estos finitaj antaŭ tiu ĉi tempolimo, kvankam la finstacio de la linio estos translokata de Haidar-Paŝa (Azia bordo de Bosporo) al Alexandrette, Mediteranea haveno de la nova Araba ŝtato, komunikiganta Alepon kun Eŭropo. Alepo estos la alcentriĝejo de la vojaĝantoj kaj komercaĵoj, kiuj celos al la Persa Golfo laŭlonge de Eŭfrato. De Alepo la linio direktiĝas orienten al Nisibin; en la militkomenco la reloj estis metitaj ĝis 100 mejloj de Mosul. Inter Bagdad kaj Mosul, la Germanoj konstruis la linion sur la dekstra bordo de Tigro ĝis Samara; la Angloj ĝin plilongigis ĝis post Tekrit kaj estas ankoraŭ konstruotaj nur 200 mejloj por ke estu realigita la komuniko Bagdad-Alexandrette.

∴ **Konstruo de tunelo sub la markolo de Ŝimonoseki.** — La konstruo de tiu tunelo tra la markolo de Ŝimonoseki (inter insulo Nipon kaj Kiu Ŝiu, Japanio), kiu kostos ĉirkaŭ 20 milionoj da Yen, komencos jam en tiu ĉi jaro. La laboro daŭros verŝajne pli ol 10 jarojn. La specialisto Hiraga, kiu faros la geologiajn studojn kaj la specialajn kalkulojn por tiu laboro, transloĝiĝos baldaŭ de Tokio al Ŝimonoseki por tiu celo.

∴ **Nova kinematografa entrepreno.** — La antaŭ nelonge kun kapitalo de 1,000,000 funtoj fondita „Alliance Film Corporation" estas la plej grava societo inter la Britaj fabrikoj de filmoj por kinematografo. Ĝi konstruos laŭ jam finitaj planoj la plej grandan filmteatron de la mondo, kie povos esti farataj 6 filmoj samtempe. La kostoj de la nura elektra instalo de la teatro kostos 35,000 funtojn, la konstruaĵoj 70,000 kaj la interna aranĝo 15,000. La produktoj de la societo estas jam antaŭvenditaj por 5 jaroj al la First Exhibitors' Circuit of America por Usono kaj Kanado.

∴ **Disjetado de prospektoj per aeroplanoj.** — La Anoncoficejo De Forenede en Kopenhago anoncas, ke ĝi aranĝis servon, kiu regule povas disjeti reklampaperojn sur la urbon Kopenhago, parte de la urbo aŭ nur ĉe difinita loko, je ĉiu horo de l' tago, pere de modernaj flugmaŝinoj.

∴ **La sistemo Taylor kaj la abeloj.** — El faritaj spertoj ŝajnas rezulti, ke laŭ niaj nunaj ideoj pri labororganizo la abeloj perdas tempon. Ili ne estas kapablaj ŝanĝi siajn proprajn kutimojn. Kontraŭe, la homo, studinte la arkitekturon de la abelujoj, povas pli bone aranĝi ilin, malpliigi la nombron de la nutrabeloj kaj pliigi tiun de la laborabeloj. Amerikanaj spertuloj sukcesis modifi la konsiston de la abelujoj. Ekzemple, abelujo entenanta 40,000 abelojn, kiu antaŭ la milito havis egalan nombron de nutrantoj kaj de laborantoj, konsistas nun preskaŭ tute nur el laborantoj. Tiamaniere, dum la milito, la produktado rimarkinde kreskis kompare kun la antaŭa stato.

 LITERATURO 

# Titĥadejŝ

Bildo de **David Friŝman**

David Friŝman estas unu el plej talentaj kaj plej kreemaj novhebreaj prozistoj. Li estis la unua, kiu en la Hebrean literaturon enkondukis la Eŭropecon, tradukinte mem la ĉefajn Eŭropajn literaturajojn, el Nietzsche, Wilde, Lippert k. a. Li loĝas en Varsovio.

Mi rakontos al vi pri malgranda knabeto, filo de malriĉa tajloro — sed ne estu pro tio tro kortuŝata kaj ne ĉagreniĝu tro multe, ĉar ja temas nur pri filo de simpla tajloro.

Kaj tiu tajloro estis tre malriĉa, kaj la knabeto ankoraŭ malgrandeta, kun malgrasa, pala vizaĝeto kaj grandaj brilantaj okuloj...

Kaj estis la unuan nokton de l' seder'o.[1] Jam tri noktojn la tajloro tute ne estis dorminta, ĉar li nepre devis finfari festvestojn por unu el urbaj riĉuloj, por ties filoj, bofiloj kaj iliaj infanoj. Ankoraŭ la antaŭtagon de Pasko posttagmeze li estis laboranta kaj apenaŭ antaŭ la vesperiĝo mem li ĉion nodligis kaj portis al la posedantoj.

Kaj la gvir'o (riĉulo), liaj filo, bofiloj kaj nepoj surmetis la novajn vestojn kaj iris en la sinagogon. La tajloro rapide lavis sian vizaĝon kaj — en la malnova vesto — rapidis en la sinagogon. La fileto de l' tajloro ankaŭ ne ŝanĝis la vestojn, sed lavinte la vizaĝon iris kun la patro.

En la sinagogo estis hele, gaje kaj serene. Kaj la tajloro staras senfortiĝinta, laborlaca kaj ĉiuforte penas forigi la survenantan lin dormemon; li aŭskultas la vortojn de l' ĥazan'o (kantoro) — kaj ĉiumomente aŭdiĝas al li susuro de novaj silkaj vestoj. Apud li staras lia fileto Efrajmo. Li ankaŭ aŭdas la susuradon. Kaj lia vizaĝeto estas pala kaj la okuloj brillumas...

Kaj kiam poste ili alsidiĝis por la seder'o en ilia mallarĝa ĉambreto, ankaŭ li kvietiĝis. Ja estas festo. La ĉambro estas balaita je ŝtofrestaĵoj, sur la tablo estas plado kaj vino sekvinbera, en la angulo staras bareleto da ruĝa barĉo — kaj la reĝino (la patrino de l' knabeto) dekstramane de l' reĝo...

Jes, regno — Hebrea regno.

Kaj la fileto „demandas",[2] lia pala vizaĝeto ruĝiĝas, kaj la okuloj elŝutas fajrerojn...

Kaj la patro respondas: Rakonto pri servuloj, rakonto pri scienculoj, kiuj tutan nokton diskutis, — kaj Efrajmo aŭskultas — kaj nenion komprenas.

Subite li interrompas la patron kaj faras novan demandon. Tiu demando tute ne ekzistis en la sidur'o (preĝlibro).

„Patro! — kial ankaŭ al mi oni ne diris „Titĥadejŝ"? Ĉiuj en la sinagogo deziris al si reciproke „Titĥadejŝ", kaj nur al mi neniu ion diris."

Kaj lia vizaĝeto ankoraŭ pli paliĝis, kaj liaj okuloj ankoraŭ pli ekbrilis.

Kaj la tajloro dormvoĉe respondas. Sed unuamomente li ne sciis, kion respondi, ĉar la respondo, same kiel la demando, ne estis en la preĝlibro. Sed baldaŭ li ekpensis kaj respondis:

„Filo mia, al tiu, kiu ne havas novan veston, oni ne diras „Titĥadejŝ"."

„Sed kial do mi ne havas novan veston? Dum mi vivas, neniu ankoraŭ diris al mi „Titĥadejŝ"."

De kiam Efrajmo vivis, li ankoraŭ ne havis novan veston...

Kaj li levis siajn okulojn de sia preĝlibro — ne estis okuloj, sed brilantaj torĉoj — kaj li ekvidis, kiel la patro kaj la patrino ambaŭ ploris.

„Se Dio volos", respondis la patrino, „la proksiman jaron, en Pasko, vi ankaŭ ricevos novan veston."

Kaj ŝi kisis lin sur la frunton.

Kaj la knabo sidis, kun okuloj revantaj — li revis kaj atendis klarigojn.

* * *

En la sekvinta jaro Efrajmo ankaŭ ne ricevis novan veston. Da kisoj multe la patrino povis doni al li, sed veston eĉ ne unu.

Kaj en la tria jaro kaj en la pluaj jaroj li ne ricevis novan veston. Ĉar efektive estas sur la tero homoj, kiuj *neniam* ricevas novan veston...

Estas homoj, kiuj ĉiam loĝas en la sunplena stratflanko kaj estas, kiuj eterne vagas en la ombroflanko.

Kaj Efrajmo vagadis ĉiam en la ombro...

Kaj li eterne demandadis: „Kial". — En lia cerbo sidis kvazaŭ malgranda vermeto, kiu boris kaj eniĝis ĉiam pli profunden, ĉiam pli forte kaj senĉese demandojn al li subŝovis. Kaj la akso de tiuj ĉi demandoj estis: Kial mi ne havas novan veston? Kaj demandoj ankoraŭ pli malfacilaj: Kial aliaj havas novajn vestojn?

Efrajmo ne sentis en la koro envion. Nur fortegan suferon.

Estante en la ĥeder'o (malsupera lernejo) kaj vidante knabojn surhavantaj novajn vestojn, li ne enviis ilin, sed neesprimeble suferis.

Surstrate li vidadis novajn vestojn — kaj sufero premadis lian koron... Ĉar eĉ la malsato ne suferigis lin tiel, kiel la sola penso, kiu estis pleniganta lian koron.

Kaj lia tuta animo kuntiriĝis kaj fariĝis unu penso, unu sufero. Kaj la esprimo de tiu ĉi sufero estis: „Titĥadejŝ".

* * *

Unu fojon li estis feliĉa, unu solan fojon — nokte. Sed vekiĝinte el la dormo, li havis larmojn en la okuloj, kaj al la patrino, demandanta lin pri la kialo, li rakontis, ke antaŭ unu momento li sonĝis, ke ĉe li estis kolegoj, kaj ĉiu el ili palpis lian novan veston kaj deziris al li „Titĥadejŝ".

La animo saltis en li pro ĝojo — kaj jen li vekiĝis kaj surhavis nenion!

La patrino diris: „Certe la infano sonĝis pri nova vesto."

Kaj Efrajmo de tiam sonĝadis maldorme. Sed novan veston sur propra korpo — eĉ en sonĝo — li ne plu vidis.

Kaj malgraŭ ĉi-tio li ĉiam ankoraŭ atendadis la vorton: „Titĥadejŝ..."

* * *

Kaj la knabo kreskis, fariĝis dekjara, poste dekdu-jara, fariĝis helpanto ĉe tajloro — kaj novan veston li ne posedis.

Kaj okazis, ke la tajloro batis lin, la tajloredzino uzis lin por diversaj laboroj, kaj liaj pliaĝaj kamaradoj-helpantoj pinĉis lian nudan, el ĉifonoj kaj flikaĵoj elrigardantan korpon. Sed ĉio ĉi-tio nek tuŝis lin, nek suferigis. Li suferis nur tiam, kiam en la mano li tenis kudrilon kun fadeno kaj en la fingroj veston kudratan de li por aliaj. Ĉar la vesto, ne la kudrilo, enpenetriĝis lian karnon; la vizaĝo fariĝis palega, la okuloj ekbrilis, kaj la vermeto manĝis al li la cerbon kaj la koron. Kaj en la oreloj sonis la senĉesa „Titĥadejŝ".

La eĥo de tiu ĉi voĉo disiĝis en lia tuta korpo, kaj la suferplena angoro pligrandiĝis kaj plikreskis.

Kaj kiam la tajloro sendis lin kun novaj vestoj al luksabundaj riĉulloĝejoj kaj poste li revenis al sia mansardo kaj ĉie renkontis nur mizeron, ankaŭ tiam nur la solaĵo lin suferigis: ke *ili novajn* posedas vestojn kaj li ne.

„Je kio do li estas pekinta, ke li ne havas novan veston? Kaj kion la aliaj faris per kio ili meritis havi novajn vestojn?"

Kaj la kordoloro kreskadis...

Fine unufoje oni neatendite kaptis lin je ŝtelo!

[1] Seder'o estas festmanĝo ceremonia la unuan kaj duan noktojn de l' Pasko ĉe Hebreoj. — (*Rim de l' trad.*)

[2] „Demandoj" estas parto de la festmanĝa ceremonio. La plej juna festmanĝulo legas el la preĝlibro kvar „demandojn", per kiuj li volas sciiĝi, kial kaj por kio servas la ceremonio de l' paska festmanĝo.

„Tiu ĉi naiva knabeto kun bonkora vizaĝo estas ŝtelisto" — diris la tajloredzino. Ĉar estis ŝi, kiu kaptis lin ĉe la faro.

La afero estis simpla. La tajloro elkudris novan veston kaj donis ĝin al li, por ke li alportu ĝin al la domo de unu el la riĉuloj por ties filo. Kaj Efrajmo alportis ĝin ne al la riĉulo, sed al sia mansardo. Li volis almenaŭ unu fojon en sia vivo surmeti novajn vestojn, almenaŭ unu fojon en sia vivo ekĝui tiun dolĉan senton — se eĉ tio daŭrus ne pli ol unu sekundon.

Kaj la tajloredzino „kaptis lin je ŝtelo". Poste oni batis lin senkompate kaj elpelis for.

* * *

Kaj la knabo jam estis dek-ses-, dekok-jara — kaj tamen la vorton „Titĥadejŝ" li ankoraŭ ne aŭdis.

Li estis palvizaĝa, senĉese tusis, de tempo al tempo sputis sangon — kaj la okuloj brilis kiel brulantaj karboj.

Lia animo brulis, flamis, kaj la tuta cerbo estis priokupita de unu forta dezirego — dezirego al la vorto „Titĥadejŝ".

Kial? kial nur li estas tiel malriĉa? Kial la aliaj havas tiom da vestajoj kaj li eĉ ne unu?

Kaj nova vesto fariĝis por li fiksa ideo, manio.

Li faris nenion. Nur ĉiam li rakontis pri la nova vesto, kiun iam li estas ricevonta.

Surstrate li laŭtigas, ke venos ankoraŭ iam tempo, kiam *ĉiuj* homoj havos novajn vestojn — tempo, en kiu al *ĉiu* homo oni diros „Titĥadejŝ".

Tamen *tiu* tago ne venis, sed venis aliaj.

* * *

Efrajmo estas malsana kaj kuŝas sur lito en hospitalo.

Tuso skuas lian mizeran korpon. Kaj la kompatinda knabo ofte sputas sangon...

Nun li kuŝas kaj songas maldorme, okulvidas de malproksime novan veston kaj orelaŭdas la vorton „Titĥadejŝ".

Komence vizitadis lin la kuracisto ĉiutage — kaj nun li ne plu venas. Li certe forlasos la liton baldaŭ, por komenci novan vivon — kun nova vesto.

Tamen la fortoj forlasas lin ĉiam pli kaj pli, la gorĝo sekiĝas, la lango iĝas peza, kaj la okuloj flamas...

Kaj malrapide, malrapide la okuloj fermiĝas, kaj li havas mirplenan vizion. Jen malsuprenlĝas anĝeloj de la ĉielo, malgrandaj anĝeloj, grandaj anĝeloj, milopaj anĝeloj, en nekalkulebla nombro — kiuj post momento plen-pleniĝas la tutan ĉambron. Kaj la anĝeloj en- kaj elirante susuriĝas la flugilojn, kaj jen ili manportas novajn blankajn vestojn, blankajn kiel neĝo kaj melodivoĉe deziras al li „Titĥadejŝ", „Titĥadejŝ", „Titĥadejŝ".

Kaj subite — nigra anĝelo...

* * *

La saman tagon oni enterigis Efrajmon en nova blanka vestajo. Sed la vorton „Titĥadejŝ" li ne plu aŭdis.

El novhebrea lingvo trad.: *Leo Turno.*

---

# Kio la homo?

De **L. Bechstein**

*Kio la homa penso?*
*Labirinta senluma reto!*
*Kio la homa povo?*
*Nur potenco de infaneto!*
*Kio la homa scio?*
*De l' maro malgranda ŝaŭmer'!*
*Kio la homa vivo?*
*Mallonga kolora ĥimer'!*

El Germana lingvo trad.: *Pétrofil.*

---

# Scivolemaj infanoj

De **Mrs. Stanley Wrench**

„Ne batu min, kara patrino!"

Tiu mizeriga krio el malgranda buŝo estus devinta fandi koron el ŝtono, sed estis tre raŭkvoĉa patrineto, kiu respondis:

„Mi batos cin, Ronnie. Ci estas malĝentila, detruema knabeto kaj meritas punon. Rigardu do la belan novan maŝineton, tute difektitan!"

„Sed mi volis nur vidi..." ekkriis la voĉeto, poste enmiksiĝis la patrino, kaj mi aŭdis bruon tre familian, akompanatan de diversaj admonoj kaj minacoj pri kio okazos, se iam li ree disrompos siajn belajn ludilojn.

Ĉar mia nelaŭleĝa onklineco devenas nur el inklino je tiu knabeto, mi ne rajtas min enmiksi en la okazintaĵoj de l' infanejo — la patrino de Ronnie min nomas trokorulino rilate al infanoj — kaj mi devis atendi ĝis vespere por fari mian enketon.

„Kara Ronnie," mi demandis, „kion vi intencis trovi en la maŝineto de vi malmuntita?"

Ekbrilo de io simila al suspekto en paro de bluaj okuloj... ĉu denove li estos batata? Poste, eble memorante, ke mi ne uzis tiun malbelan vorton „rompita", la etulo ekĝemis alpremiĝante:

„Mi volis vidi, kio faras la bruon", li diris. „Mi ne volis esti malĝentila. Mi pensis, ke mi povos ĝin rekunmeti poste."

Mi ridetis interne, kontentege, mi sciis min prava. Nova kazo de la „deziro vidi la turnantajn radojn", eco brila kaj forte kuraĝiginda ĉe knaboj kiel ĉe knabinoj.

„Eble mi povos morgaŭ helpi vin por ĝin rekunigi", mi diris. „Ni havos maŝinriparejon kaj almetos survestojn, kiel en la fabrikoj."

La bluaj okuloj ekdancis.

„Kaj ni fariĝos vere malpuraj, kiel laboristoj?"

Mi klinis la kapon. Aŭdiĝis profunda sopiro de ĝojo; paro da rondaj, molaj braketoj ĉirkaŭprenis mian kolon, tutan minuton.

* * *

Nenecese diri, ke mi tenis la promeson, ĉar sankta estas promeso al infano. La zorgema malmuntado de certaj ludiloj kaj ilia posta rekunigo fariĝis fonto de pura ĝojo por Ronnie, kiu, etulo kia li estas, havas inteligentajn demandojn kaj estas nek malĝentila, nek difektema.

Estas „tiu deziro scii", pro kiu oni punas multajn infanojn. Malofte infano estas intence malĝentila, kaj tio, kion oni kutimas konsideri kiel detruemon, estas konstruemo. Tiu vero ne povas esti tro energie ripetata al la infanvartistinoj kaj aliaj edukantaj personoj. La „mi volas scii"-spirito devus esti subtenata en la infanejo, ne subpremata. Mi ja konas el sperto, ke povas esti lacige respondi infanajn demandojn, kaj ke ofte oni estas embarasata pri respondo, sed prefere oni laciĝu dudek fojojn ol repuŝu junan inteligenton.

La knabo, kiu disrompas siajn ludilojn, serĉante la kialon kaj esencon, devus esti gvidata kun amo. Donu al li multan okupon. Montru al li kiel konstrui, por ke liaj pensoj kaj manetoj estu agemaj. Se li estas sufiĉe aĝa klarigu, ke li ne malmuntu ion, se li ne estas certa pri estonta rekunigado. Jam se vi nur konstatas lian konstruemon kaj ne nomas ĝin detruo, vi spertos, ke li ne dispecigas siajn aĵojn, ĉar, okupata, li estas feliĉa.

Observu lin zorgeme; eble frenologiisto diros al vi, ke li havas talenton kiel inĝeniero. Sed restas la ebleco, ke la plej granda teknika genio de la venonta generacio estos haltigata, difektata kaj ruinigata dum sia infaneco. Anstataŭ fariĝi eltrovinto li fariĝos krimulo, jam antaŭ ol li eliros el la infanĉambro.

Tial instruu al li „kio faras la bruon"; montru al li la „turnantajn radojn" kaj, plej grave, konsciu, ke tiel nomita detruema knabo havas talenton konstrui. Li vivos, benante vin kaj fariĝante beno.

Trad.: *Ed. Stettler.*







# Kio estas nun necesa

Kun granda plimulto estas akceptitaj la proponoj de la Komitato de UEA pri plialtigo de la kotizajoj,* kiun necesigis la ĝenerala plikariĝo de la vivo. Ne vana estis nia espero je la saĝeco kaj oferemo de la Delegitoj; ili komprenis la postulojn de la nuna tempo kaj, per sia diligenta respondo al nia alvoko, esprimis la volon, ke UEA vivu kaj estu metata en tian situacion, ke ĝi povu ekplenumi la taskojn, kiujn la Esperantistaro atendas de ĝi.

Dank' al la akceptita decido, nia Asocio povas rigardi al la estonto kun pli da kuraĝo kaj fido. Tamen, esti jese voĉdoninta ne sufiĉas por certigi al ĝi prosperan vivon. La financa reformo, kiu ĵus estis efektivigita, estis necesega kondiĉo por plua ekzisto de UEA, sed la sola kondiĉo ĝi ne estas. Ĝi eĉ fariĝus senefika, se al ĝi ne respondus laŭcelaj faktoj. Supozu, ke parto, eĉ negranda, de la ĝisnunaj membroj ne restas en niaj vicoj: tiam, la venontan jaron, ni troviĝus en la sama situacio kiel lastatempe, enkatenataj de la ekonomiaj malfacilaĵoj, senpovaj por fruktodona agado. Ĉiu devas konscii, ke la prospereco de UEA kaj sekve la progresoj de la internacia Esperanto-movado estas nun *problemo pri nombro*. Dum ĉi tiu jaro la nombro de la membroj atingis ĉirkaŭ 3000. Tio estas iom pli ol en 1918, sed tamen tute nesufiĉe, eĉ kun la plialtigitaj kotizajoj, por ke UEA povu efike labori. En la propagandiloj oni ofte legas pri la ekzisto de centmiloj da Esperantistoj. Kion devas pensi la publiko pri la ĝusteco de tiuj asertoj, se „amikoj" de Esperanto malkaŝas al ĝi, ke la Asocio, al kiu aliĝas ĉiuj personoj havantaj internaciajn interesojn kaj uzantaj la lingvon, enhavas nur 3000 membrojn?

Ni ja scias, ke tiu malalta cifero estas klarigebla pro la grandegaj malfacilaĵoj rezultintaj de la milito kaj la disrompo de la internacia vivo, sed nun finiĝis la milito, pli normalaj kondiĉoj ekregas en la plimultaj landoj, la mondo ree spiras. Venis do la momento eliri el la mizero de la militciferoj. Je la fino de 1920, UEA ***devas*** havi 5000 membrojn almenaŭ — cifero neniel eksterordinara, se oni rememoras, ke antaŭ la katastrofo ĝi estis superinta la sepan milon. Por atingi tiun ciferon, ne ekzistas alia rimedo ol la energia kunpenado de la Delegitoj kaj eĉ de la membroj. Se *ĉiu* faras sian devon, la sukceso estas certa. Sed oni devas nepre ĝin *voli*.

La kresko de la membronombro estas ne sole en la intereso de la internacia Esperanto-movado, kies fortecon oni taksas laŭ la forteco de UEA; ĝi estas ankaŭ en la intereso de ĉiuj membroj. Al ilia nombro estas proporciaj la influo, kiun ĝuas la Asocio, la bona funkciado kaj la plimultiĝo de la servoj, la avantaĝoj, kiujn ĝi povas certigi al ĉiu aliĝinto. Nur unu ekzemplo el multaj: Riĉenhava Jarlibro ne estas eldonebla sen multaj anoncoj, kiuj permesas kovri parton de la elspezoj. Nu, por kolekti ilin, gravan rolon ludas la nombro de la ekzempleroj, kies sendon ni povas garantii. Estas granda diferenco, ĉu al firmoj ni povas diri, ke UEA havas dek mil, kvin mil aŭ nur tri mil membrojn.

Kion povas havigi societoj kun granda nombro da membroj, montras, ekzemple, la Itala Turing-Klubo, kiu kontraŭ kotizajo da 6 Fr. jare liveris al ĉiu aliĝinto jarlibron de 780 paĝoj, 80-paĝan monatan revuon ilustritan, diversajn eldonaĵojn, krom la multaj ĝeneralaj servoj. Tion ĝi povas fari nur ĉar ĝi enhavas pli ol 100,000 membrojn, el kiuj 6000 dumvivaj. Jen la potenco de la nombro kaj ankaŭ la potenco de la organizo. Se la ĵus nomita societo kalkulus nur 5000 membrojn aŭ se, anstataŭ ĝi, ekzistus dudeko da similcelaj societoj, ĉiu kun 5000 personoj, ne estus eble liveri al ĉiu membro tiom da valoraj eldonaĵoj; aliparte la ĝeneralaj servoj estus multe malpli gravaj, ĉar estas evidente, ke organizajo parolanta en la nomo de cent mil povas pli multe atingi ol societo de kelkaj miloj. Ke UEA ne povas nun havi cent mil membrojn ni tre bone scias, sed se al ĝi aliĝus ĉiuj personoj, kiuj sin nomas Esperantistoj, ĝi certe enhavus pli ol tri mil. La malalta nuna membrocifero venas parte de tio, ke multaj Esperantistoj ne ankoraŭ komprenis la gravan signifon de internacia organizo por movado celanta la disvastigon de internacia lingvo. Ili ne ankoraŭ sentas, ke la progresoj de Esperanto ne dependas de la kunekzisto de multaj societoj, gazetoj kaj entreprenoj, ĉiam baraktantaj kontraŭ la mizero pro sia nombra malforteco, sed ke, kontraŭe, ili dependas de la prospera ekzisto de vivkapabla organizajo kun multaj membroj. Tion ni ne ĉesu ripeti, precipe nun kiam komenciĝas nova epoko multe pli malfacila ol la antaŭa, el la ekonomia vidpunkto. La organiza unueco fariĝis ankoraŭ pli necesa hodiaŭ ol hieraŭ. La venko de Esperanto ne rezultos de okaza sukcesego, de miraklo aŭ de genia propagando, sed de sistema, konstanta organizita agado. La internacia ilo por tiu agado estas UEA. Ĉu la Esperantistaro scios ĝin utiligi kaj valorigi? La venontaj monatoj alportos la respondon.

*H. Hodler.*

# Inter ni

*Estinta Akademiano S-ro de Saussure havis denove tre sinceran intencon. Li revis fariĝi paciganto inter Esperanto kaj Ido. Tial li eldonis fundamenton de nova projekto sub la nomo „Esperantido". Aperis unua, poste dua, fine tria „definitiva" eldono kun garantio de la „Esperantida Akademio". S-ro de S. vetas cent „florinojn", ke ĝi ne ŝanĝiĝos dum almenaŭ kvin jaroj. „E paco esperas" brilas la devizo sur kovrilo de la libreto.*

*La tria eldono montras la malpraktikecon de la rezultato. Estante matematikisto, S-ro de S. ne sentas la vivecon de Esperanto, kaj li malproksimiĝas ĉiam pli kaj pli de ĝi. Li opinias, ke oni povus tute simple kaj arbitre decidi tion aŭ tion ĉi (meti* n *anstataŭ* j *por multenombro,* olo *anstataŭ* ulo, ivi *anstataŭ* iĝi, sirt *krom* certa, irg *anstataŭ* ajn, *tutan liston de ŝanĝitaj prepozicioj, diversaj malsimplaĵoj, k.t.p.), kaj ke tuj Esperantistoj kaj Idistoj interkisos unu la alian ekkantante:*

*„Sur newtrala lingwa fundamento,*
*Komprenante una e alia,*
*La populon faros en konsento*
*Un grandega rondo familia."*

*Ĝis nun kiu Idisto aliĝis al la nova propono? Sed, kiel ĉiam, du aŭ tri Esperantistoj sin lasis delogi. Mono, forto, tempo estos vane elspezitaj sen la ŝanco de sukceso. Anstataŭ unu, Esperanto havos du konkurantojn en la okuloj de l' publiko, kiu ne scios kaj ne kredos, ke inter la tri ekzistas ne grandaj diferencoj krom tio, ke unu estas viva dum ambaŭ ceteraj estas mortsekaj.*

*En la nuna tempo la ĝenerala sopiro al internacia helplingvo estas tiel forta, ke Esperanto povus venki en kelkaj jaroj, se ĝi estus sola. Ne la kritikoj pri tiu aŭ alia detalo malhelpos tiel rapidan progreson, sed nur la timo de l' publiko pri novaj ŝanĝoj aŭ batalo inter diversaj projektoj.*

*Tion komprenínte, jam kelkaj Idistoj revenas al ni oferante siajn personajn preferojn al la bono de la tuta afero, ĉar ili konstatas, ke Esperanto estas praktike la sola viva kaj multuzata mondlingvo. Ĉie kursoj malfermiĝas, gazetoj kaj grupoj refondiĝas. La tuta movado restariĝas vaste post la milito. Tian horon bonintenculoj elektas por perdi*

*sian tempon! Eble Ido kaj Esperantido simple malhelpos unu la alian. Entute ili havas kune tri gazetojn por disputi.*

*Ni nur bedaŭras, ke talenta viro kiel S-ro de S. elektis tiun vojon anstataŭ utile laboradi en la Akademio kaj Lingva Komitato, kiuj estas fakte ŝuldaj pro dormado. Se li estus laborinta por ilin veki respektante la vivecon de la lingvo, li kredeble estus sukcesinta akceptigi oportunajn utilajojn kiel oficialigon aŭ permeson de jam de longe uzataj du aŭ tri aldonoj, kiel prefikso* mis-, *adjektivoj* plura *kaj* omna *(flanke de* ĉiu*), malplia uzado de akuzativo en nenecesaj okazoj ... aferoj, kiujn la vivo mem iom post iom alportas kiel maro la sablon laŭ la principoj de Zamenhof.*

*Ankaŭ urĝas, ke L. K. zorgu pri reguligo kaj bona preparo de vortaroj, speciale teknikaj. Tujan kaj seriozan taskon havas sciencaj homoj posedantaj veran senton pri la lingvo. Kredeble ĉi tiu lasta ĝuste mankis al S-ro de S. Aliaj do prenu lian lokon kaj montru pli taŭgan ekzemplon.*

*Ne estas nun la momento por diskuti teorie, sed male por ĉie vastigi nian lingvon kaj valorigi ĝian internan trezoron.*

*Edmond Privat.*

# DEK-DUA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Al la tutmonda samideanaro!

Post interkorespondado kun la Konstanta Komitato de la Kongresoj, la Hagaj Esperantistaj societoj decidis akcepti la inviton, okazigi la dek-duan Universalan Kongreson de Esperanto en nia registara urbo 's Gravenhage (Esperante: *Hago*), dum somero 1920.

Kompreneble, ni ĉiuj interkonsentas, ke la ĝenerala spirito de l'unua postmilita Esperanto-kongreso (preparata en nelonga tempo) ne estos simila al tiu de niaj antaŭaj grandiozaj kongresoj. Sed kiu venos Hagon por antaŭ ĉio viziti laborantan kongreson celantan la restarigon de niaj internaciaj interrilatoj kaj la reorganizon de nia movado, tiu certe ne bedaŭros sian vojaĝon.

Sabaton 15 novembro konstituiĝis nia loka kongreskomitato: ĉiuj kvar Hagaj societoj harmonie kunlaboros. Estas membroj de l'komitato la jenaj samideanoj: S-ro J. R. G. Isbrücker, prezidanto, Hoogeweg 68, Watergraafsmeer, apud Amsterdam, kiu komence de 1920 kun sia edzino eklogos en Hago; S-ro J. L. Bruijn, sekretario-kasisto, Paul Krugerlaan 37, Hago (por rekomenditajoj aldonu ĉe la adreso: Poŝtkontoro de la Reykade); F-ino N. Boon; S-ino J. C. Isbrücker-Dirksen; S-roj W. G. A. Kaupe kaj H. C. Mees, ĉiuj membroj de „Fine ĝi Venkos" (sekcio de la Nederlanda Esperantista Societo „La Estonto estas nia"); S-roj H. Laarhoven kaj F. Marrevee, ambaŭ membroj de l'Roman-Katolika Esperantista Societo (sekcio de l'Ned. R. K. Esp. Ligo); S-roj F. J. Visser, J. H. Visser kaj M. P. de Wilde, ĉiuj membroj de l'tramista klubo „Ĉiam antaŭen" (sekcio de l'Ned. Esp. Soc.); S-roj H. Kratz kaj L. van Munster, ambaŭ membroj de l'Ĝenerala Haga Laborista Esperantista Klubo (sekcio de l'Ned. Federacio de Lab. Esp.).

La du unue nomitaj sinjoroj Isbrücker kaj Bruijn eksidos en la Konstanta Komitato de la Kongresoj.

Diversaj subkomitatoj por enloĝigoj, ekskursoj, festvespero, diservoj, k. c. estos formataj. Honorkomitato formata el eminentaj personoj en Nederlando (speciale en Hago) estos starigata. Pri la kongressalonego klopodoj en diversaj direktoj estas farataj.

Al la K. K. K. estas submetataj por aprobo la jenaj decidoj:

1e okazigi la kongreson en la unua semajno (1—7) de septembro 1920;

2e fiksi la kongreskotizaĵon je 10 Nederlandaj guldenoj;

3e permesi, ke samideanoj el landoj kun malfavorega kurzo je Nederlando (ekzemple Germanio, Aŭstrio, Belgio, Francio, ĉiuj novaj Eŭropaj ŝtatoj, k. c.) pagu siajn kotizaĵojn ekstreme en majo 1920, kiam supozeble la diversaj malaltaj kurzoj almenaŭ iom estos pliboniĝintaj;

4e formi garantian fundon per enskriboj de sumoj po 25 guldenoj.

Karaj gesamideanoj,

Jen la unuaj komunikoj pri nia dek-dua. Depost kiam vi estos leginta ilin, eklaboru por nia kongreso, por ke ĝi fariĝu sukceso! Ni kalkulas je almenaŭ 400 kongresanoj diversnaciaj, kaj samideanoj el landoj kiel Grand-Britio, Svisio, Hispanio, Skandinavio kaj Nord-Ameriko jam *nun* sendu siajn kotizaĵojn (mondonacojn krome ni ankaŭ ne malŝatos!) por faciligi al ni la preparadon kaj aranĝadon de l'kongreso. Monsendojn oni faru rekte al la *Residentiebank* en Hago (do ne al la kasisto), kiu malfermis kongreskonton.

Kun samideanaj salutoj,

*J. L. Bruijn,*
Sekretario de l'Loka Kongreskomitato.

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20a*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

*Brüx:* Paroladis Prof. D-ro Guth kaj Murath. Enskribiĝis 35 p. por kurso. — *Graz:* Tri kursoj aranĝataj. — *Wien:* Alvoko en „Neue W. Tagblatt" raportis pri la Esp. blindula gazeto „La ligilo". Societo „Danubio" aranĝis kolekton por ĝia reeldono. „Unua Viena Esp. Unuiĝo" aranĝis bone vizitatan amuzan vesperfeston. „Kaufmännische Zeitung" presigis artikolon de S-ro Simon. Aliaj gazetoj raportis pri Esp. movado.

## Belgio.

*Brugge:* Kurso aranĝota. — *Gent:* Parolado de S-ro Groverman. Kurso.

## Britio.

*Belfast:* La jara raporto de la grupo estas tre kuraĝiga. Kvar instruistinoj faris ekzamenon kun honoro kaj estas pretaj enkonduki Esp. en popollernejoj aŭ vesperkursoj. — *Brighton and Hove:* Publika parolado de S-ro Long; 110 p. ĉeestis. Kursoj komenciĝos. — *Coventry:* La raportoj dum la dudeka tie okazinta federacia konferenco montris kreskon de la nombro de izolaj Esp-istoj, vigliĝon en Birmingham kaj Coventry. Vespere okazis propaganda koncerto. Kursoj. — *Croydon:* Kandidatoj por la magistrato demanditaj, ĉu ili volas subteni la proponon por enkonduko de Esp. en lernejoj, se oni elektos ilin, respondis favore. Imitinde! — *Edinburgh:* S-roj Harvey kaj Page paroladis antaŭ 200 l. de la Komerca Instituto. Kursoj. Dum societa kunveno paroladis S-roj Harvey kaj Warden. F-ino Caw aranĝis koncerton en Esp. Kurso en St. Cuthberts Coop. Assoc. — *Glasgow:* D-ro Knight paroladis. Kursoj aranĝiĝas. Ankaŭ kursoj sub la Glasgowa Eduka Aŭtoritato. La Glasgowa filio de Internacia Ligo de Virinoj nun alprenis Esp. Kursoj komenciĝos. Kursoj en la Skota Laborista Kolegio kaj en la Kooperativaj Societoj en St. Rollox kaj Clydebank. — *Halifax:* Tiea societo reviviĝis. Kursoj. — *Ilford:* Paroladis S-ro Larking. — *London:* Esp. diservo kun parolado de S-ro Gardner. Fondiĝis „C. O. Esp. League", kies celo estas traduki Anglajn klasikajn verkojn. — *Rochdale:* Kurso.

## Bulgario.

*Russe (Rusĉuk):* La malnova grupo „Frateco" vekiĝis. Enskribiĝis 60 p. por kursoj gvidotaj de S-ro Silvestriev. — *Sevlievo:* Dua kurso gvidata de S-ro Iv. Conev.

## Ĉeĥoslovakio.

*Č. Budějovice:* Du kursoj. Komerca gazeto „Obchodní Organisátor" enhavas konstante Esp. rubrikon. Mondkonata bierfabriko uzas Esp. — *Červený Kostelec:* Kurso, 70 p. — *Bystřice pod Hostýnem:* Distrikta lerneja konsilantaro permesis la instruon de Esp. en la knabina burĝa lernejo. — *Doudlevce:* La socialdemokrata junularo aranĝis ekspozicion kun riĉa Esp. fako. S-ro Haberman, ministro de instruado, kiu vizitis ĝin, interesiĝis, kiel ankaŭ la urbestro de Plzeň, kaj la unua diris, ke estas projektata la enkonduko de Esp. en komercaj lernejoj de Ĉeĥoslovakio. — *Plzeň:* Popola universitato enkondukis Esp. en la instruan planon. S-ro Kavan paroladis ĉe la societo de komercaj helpantoj. — *Postrum:* Deputitaro de la „Landligo de Germanaj Esp. grupoj en Bohemlando" prepariĝas por propono al la ministerio pri enkondukado de Esp. en lernejoj. La ligo eldonis belan Esp. poŝtkarton. — *Praha:* La konstanta rubriko en la infana gazeto „Malý Čtenář" gajnis jam multajn gelernantojn. — *Prostějov:* Klubo reviviĝis. — *Rakovník:* Kurso, 25 p. — *Ružomberok:* Paroladis S-ro Tuček. Kurso, 50 p. *Žilina:* Fondiĝis klubo. — *Zlín:* Publika parolado. Kurso.

## Danio.

La vintra sezono de la kluboj komenciĝis. En la konversacia klubo en Kopenhago ĉeestis vesperon kvar nacioj: Usonanino, Germano, Ruso kaj Svedo. Kurso por progresantaj lernantoj okazas. Amikoj en diversaj landoj tre ofte demandas, ĉu okazos en Kopenhago dum 1920 universala kongreso, sed ni devas informi al niaj karaj samideanoj, ke estas en Kopenhago tiel granda manko de hotelĉambroj kaj de loĝejoj, ke bedaŭrinde estos neeble gastigi kongresanojn jam dum la venonta somero, sed espereble la situacio pliboniĝos antaŭ ol pasas jaroj.

## Germanio.

*Ansbach:* Prof. Haas paroladis. Kurso. — *Bayreuth:* D-ro Seeberger paroladis kaj komencis kurson por 23 p. en la popola altlernejo. — *Berlin:* Kursoj de la laborista grupo. — *Breslau:* Ĉe sukcesa vesperfesto aranĝita de la loka ligo, ĉeestis 350 p. Konataj artistoj partoprenis per kantoj kaj muzikajoj. — *Cottbus:* S-ro Giedow publike paroladis. Ekspozicio de Esp. literaturo, kurso sekvas. — *Eisenach:* Vigla propagando, algluo de afiŝoj, anoncoj regule en gazetoj, disdonado de flugfolioj. Bonvizitata Esp. ekspozicio. Gazetoj enhavas artikolojn. Laŭ ordono de la urbestro policanoj havas specialan kurson. 2 kursoj por 50 p. Kurso por poŝtoficistoj aranĝata. Depost novjaro Esp. estos instruata en la popola altlernejo. — *Friedrichsthal* (Saarland): Kurso de S-ro Jakob Schenkel en la stenografia unuiĝo. — *Leipzig:* S-ro Voigt paroladis en la Popoldomo. „Unuiĝo de magistratoficistoj" aranĝis kursojn bonvizitatajn. — *Oppeln:* Artikolo pri Esp. en la gazeto „Weisse Adler".

## Hispanio.

*Barcelona:* Kursoj. „Nova Sento" elektis novan komitaton, prez. S-ro Martinez.

## Hungario.

*Budapest:* Malgraŭ la renverso de ĉiuj Esp. entreprenoj, kaŭzita de la registara ŝanĝo, kursoj kaj kunvenoj okazas. Tiel 70 p. vizitis la literaturan vesperon, kie S-ro Giesswein paroladis kaj S-ro Kalasay, Hungara poeto, legis siajn Esp. versaĵojn. Sekvis rememorigo pri mortinta samideano J. Forster. La venonta kunveno estis dediĉita al St. Schulhof. Tiuj vesperoj alportas ĉiam ĉirkaŭ 100 kronoj por propagando, kiuj venas de la enirpago kaj kolekto. Lokaj gazetoj raportas. — *Gyoer:* Vigla movado. — *Szeged:* Granda laborista grupo fondiĝis.

## Islando.

Kalendaro „Almanak" enhavas longan artikolon pri Zamenhof kaj ties bildon, verkitan de S-ro Thorsteinsson.

## Italio.

*Genova:* La Esp. Unuiĝo vigle laboras, precipe publikigante 1-2 foje ĉiusemajne artikolojn en la loka gazetaro.

## Jugoslavio.

*Doboj:* S-ro Vojković paroladis kaj malfermis kurson kun 24 p.

## Litovio.

*Kovno:* Post parolado de S-ro Dombrovski malfermiĝis kursoj por 70 geinstruistoj. Societo restariĝis; multaj membroj enskribiĝis.

## Nederlando.

*Amsterdam:* Propaganda vespero. Kurso aranĝata. — *Groningen:* Parolado de S-ro Barkema. — *Wormerveer:* Kvar kursoj. — *Uitgeest:* Grupo fondiĝis. Kurso aranĝata. Paroladis S-ro Woud. — *Zaandijk:* Kurso.

## Polio.

*Lodz:* „Das Freie Wort" enhavas artikolon „Die Brucke" (la ponto) pri Esp. Kurso malfermita. Grupo en la Germana gimnazio fondota kaj kurso starigota.

## Portugalio.

*Lisbono:* La „Socialista Gejunularo" elektis Esp. kiel oficialan lingvon por siaj internaciaj rilatoj. „Verda Stelo" sendis enketon al ĉiuj profesiaj asocioj, kiuj favoras Esp. Kelkaj el ili monhelpas nian movadon. Fondiĝis „Federacio de Esp-istaj Laboristoj", al kiu apartenas ses Esp-istaj laboristaj societoj kun ĉirkaŭ 600 m. La Federacio estas aprobita kiel oficiala Esp. organizaĵo en la laborista medio. „Ĝenerala konfederacio de la laboro" elektis Esp. kiel oficialan lingvon. La 15 decembro, okaze de la naskiĝotago de nia Majstro kaj la unua datreveno de „Portugala Esp-ista Asocio", estas aranĝota kunveno kun teatraĵoj, kantoj, muziko kaj Esp. ekspozicio.

## Svedio.

*Eskilstuna:* „Federacio por kleriĝo de la laboristoj" aranĝis kurson. — *Gävle:* S-ro Tell paroladis. Gazetoj detale raportis. — *Lo en Angermanland:* S-ro Adamson paroladis antaŭ pli ol 100 p. Fondiĝis grupo. Kurso. — *Stockholm:* S-ro Johannsson dufoje paroladis, kiel ankaŭ S-ro Bünemann el Hamburg.

## Svisio.

*Baden:* Paroladis D-ro Uhlmann. Gazetoj favore raportis. Kurso aranĝata por pli ol 20 p. Societo fondota. — *Bern:* S-ro D-ro Huber faris interesan paroladon pri sia peresperanta vojaĝo al Kopenhago. Ĉiumerkrede okazas grupa kunveno en la C. O. de UEA. „Berner Tagwacht" raportis pri la movado en Bern. — *Genève:* La grupo rekomencis kunveni. — *Neuchâtel:* La ĝenerala kunveno de „Svisa Esp. Societo" en Luzern elektis, kiel ĉefgrupon, la Neuchâtel'an; S-ro J. Wenger, prez.; S-ro G. Stroele, vicprez. kaj kas.; F-ino E. Straub, sekr. — *St. Gallen:* Kurso. — *Turgi:* Post parolado de S-ro Jost kurso. Grupo fondota. S-ro Graf propagandas. — *Zürich:* Kursoj de F-ino Mayer kaj de S-ro Weber.

# TRA LA LIBRARO

**Kontrakto de la Ligo de Nacioj.** *Covenant of the Leage of Nations. Pacte de la Société des Nations.* Centra Esperantista Oficejo, 51, Rue de Clichy, Paris. 30 paĝoj, 16×24 cm. Prezo: 3 Fr.

Kune kun Esperanta traduko, estas presataj la tekstoj Anglaj kaj Francaj, ambaŭ oficialaj, de la grava konstitucio de l' Ligo de Nacioj. Pri konscienca kaj spertega traduko oni ne dubos legante

la nomojn de S-roj *Daniel Lyquem*, ano de la Pariza Apelacia Juĝkortumo, *E. Grosjean-Maupin*, Agregaciata Profesoro de la Universitato, kaj *W. M. Page*, Solicitor ĉe la Alta Kortumo de Skotlando.

Tiuj tradukintoj rimarkigas, ke inter la du aŭtoritataj tekstoj ekzistas atentindaj diferencoj, nova pruvo pri supereco de unu sola neŭtrala lingvo rilate al la jam proponita solvo: akcepti du lingvojn, kiel internaciajn komprenigilojn. Krom specialaj necesaj terminoj, oni trovos malmulte da novaĵoj en tiu tute fundamenta Esperantaĵo; rimarkindaj estas esprimoj kiel: „protestebla fabrikado", „la kiomo de armilaroj", „kriminta faro" kaj „kriminto".

Certe ne estas necese komprenigi al nia samideanaro la gravecon de tiu ĵusa faka presaĵo. Ne nur propagandilo efika por Esperanto ĝi devas esti, sed ankaŭ, pere de la Esperantistoj, propagandilo pri la ideo de la Ligo mem, ideo de longe akceptata en nia medio, sed kiu renkontas ankoraŭ tiom da baroj, da nekomprenoj, da antaŭjuĝoj, da malfido.

En tiuj ambaŭ direktoj, estu rekompencata la gratulinda klopodo de la Franca societo de l' Esperanto-amikoj, kiu eldonis tiun trilingvan dokumenton, unuan ĉefan bazŝtonon de nova mondorganizo.

**La akrobato de nia sinjorino.** Milcentjara legendo. 20 paĝoj, 13 × 18 cm. Kun unu elteksta bildo.

**Blanche. La virgulino de Lille.** 34 paĝoj, 13 × 18 cm. Kun unu elteksta bildo. — Ambaŭ verkojn tradukis *Edward S. Payson*, Prezidanto de Esperanta Asocio de Norda Ameriko. Prezo: ne montrita.

Ambaŭ novaĵoj estas bele presitaj, eĉ lukse prezentitaj. La unua enhavas la malnovan legendon de tiu humila jonglisto, fariĝinta monaĥo, kiu, sciante nenian arton, dediĉas ame siajn lertajn saltojn al Sankta Mario kaj estas favorata per ties akcepto; ĝi estas interesa mezepoka konata literaturaĵo. Ĉu, ĉar ĝi estas traduko Esperanta de traduko Angla de Franca originalo, ĉu, ĉar oni volis redoni la naivecon de l' praa verko, ĉu parte pro manko de komoj, ĉu pro alia kaŭzo, la stilo, kvankam ne erara, estas tamen nek flua, nek eleganta.

La dua verko havas la saman principan mankon; ĝi ankaŭ estas traduko de traduko; krom malofta devigaj cirkonstancoj, tiaj Esperantigoj ne estas konsilindaj. Blanche estas viva pentrado pri la 16-jarcenta Franca moraro kaj samtempe kortuŝa rakonto pri junulino, kiu mortas pro amo al malinda kavaliro; tiun novelon inspiris al Germana aŭtoro la vido de vaksa kolorigita busto troviĝanta en muzeo de Lille. La arta valoro de tiu figuraĵo estas ĉies konfesita, sed la lerta skulptisto, malgraŭ multaj serĉadoj, restis nekonata. La Esperanta traduko estas plezure legata; ĝi estas senerara laŭ vortoj kaj pruvas facilecon en la uzado de nia lingvo; ĝia stilo estas pli agrabla ol tiu uzata en la Akrobato.

En la du tekstoj kelkaj radikoj, ĝis nun ne ofte legitaj, aŭ ne trafe uzitaj, kvankam troveblaj en vortaroj, instigas pensi, ke tiuj utilaj libroj estis eble tro folumitaj dum la tradukado; tiel ekzemple estas: akrobato, akolito, atribui, buteo, lispi, literatoro, panelo, sentimento, epistolo, evangelo, k. a.

Sed ni ne estu tro pedantaj kaj danku al la tradukinto pro du novaj belvestitaj, tute ne vulgaraj legindaĵoj.

**La Libro de komuna preĝo,** kajero unua. Eldonita de la Eklezia Esperantista Ligo. 24 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo afr.: 8½ p.

Mi konjektas, ke celo, bezono, tradukinto de tiu kajero estis diritaj en la „Eklezia Revuo"; mi supozas ankaŭ, ke tiu kajero kun la sekvantaj enhavos la diservojn kaj preĝojn oficialajn ĉe la Angla eklezio. La ellaboro de tiaj religiaj verkoj estas iel faciligata, ĉar multaj vortoj kaj formoj kompreneble estas eltireblaj, ĉu el la Malnova Testamento, tradukita de nia Majstro, ĉu el la Nova Testamento, kies bonegan Esperantigon ni jam ŝuldas al niaj Anglaj samideanoj.

Pri la supre citita kajero, mi nur diros, ke ĝia teksto estas tre bona, tute laŭcela, senerara kaj fundamenta, krom la uzo, cetere iam oficialigebla, de la sufikso „end" en „kantenda, direnda".

**Plena oficiala radikaro de Esperanto.** *V. N. Devjatnin, L. K.* Eldonejo: Ella Rothermel, Friedrichswerth (Thür.), Germanio. 32 paĝoj, 11 × 15 cm. (Ricevebla por 4 internaciaj respondkuponoj stampitaj.)

Tiu libreto estas represo de la dua parto de l'*Afiksaro* jam recenzita en julia numero de tiu ĉi ĵurnalo. Kiel jam dirite, ĝi estas alfabeta listo kun ĉiuj oficialaj radikoj kaj afiksoj de Universala vortaro, de Oficiala aldono, kaj eĉ aldone ĝi citas la komune uzitajn vortojn laste oficialigitajn (Oficiala Gazeto, julio 1914); ĉiu radiko estas montrata kiel substantiva, adjektiva aŭ verba. Tiu nur Esperanta vortareto estos ŝatata helpilo en la oftaj okazoj, kiam oni dubas pri la oficialeco de iu skribota aŭ legita radiko.

**Angla kaj Esperanta Etimologio** (Tabeloj de etimologio). *Charles G. Stuart-Menteth.* Brita Esperanto-Asocio, London, 17, Hart Street, W. C. 1. 20 paĝoj, 13 × 18 cm. Prezo: 10 d.

Per ok originalaj tabeloj, la aŭtoro klarigas la intiman rilaton inter Esperantaj kaj Anglaj (aŭ Anglo-Francaj) radikoj. En la unua, la Esperantaj radikoj estas ordigitaj laŭ etimologio, kaj tuj videblaj fariĝas parencecoj ne ĉiam atentataj, ekzemple: *du* kaj *dubi*; *avo*, at*av*ismo; *lumo*, a*lum*eto; *voki*, ad*vok*ato, k. t. p. Dua pruvas, ke la korelativaj vortoj, kvankam arte elpensitaj, tamen havas naturan devenon kaj similaĵojn en multaj lingvoj. La sekvantaj vidigas, kiom da Esperantaj radikoj troviĝas en Anglaj vortoj, kvankam ili ne estas aparte uzeblaj en tiu lingvo.

Tia malampleksa, sed klera kaj sugestia studo, kian oni ankaŭ profite estigus komparante nian lingvon kun la Franca, la Germana kaj aliaj, pruvas tiun diron de la antaŭparolo: „La internacia lingvo estas, je unu vidpunkto, pli natura ol la naturaj lingvoj, ĉar la plimulto de ĝiaj elementoj estas komuna al kiel eble plej multe da Eŭropaj lingvoj."

**Vortoj propozataj por Esperanto,** de *H. Sentis.* Grenoble, Presejo Allier Frères. 34 paĝoj, 16 × 25 cm. Prezo: ne montrita.

Nia lerta malnova samideano, ĉiam progresema, prezentas al ni liston de proksimume 2900 novaj vortoj (kun ilia Franca traduko), kiujn la kolektinto proponas oficialigi. En la „Prefaco" li diras:

„Ne sufiĉas korekti kelkajn malbonaĵojn en nia vortaro; ni plie devas ĝin riĉigi por ke ĝi ne aspektu malsupera al tiu di Ido, kaj por nin liberigi de l' malbelaj kaj neklaraj kompozaĵoj, kiuj svarmas en la vortaroj naci-esperantaj."

Preskaŭ samtempe kiam mi trarigardis la laboron de S-ro Sentis, mi ricevis numeron de „Germana Esperantisto", kaj en ĝi legis la sekvantan frazon de nia ankaŭ malnova sperta samideanino, S-ino Marie Hankel:

„Oni estu ŝparema en la uzado de novaj vortoj. Se ĉiu verkisto kvazaŭ prove uzas nur kelkajn neaprobitajn vortojn, baldaŭ centoj, eĉ miloj da vortoj netroveblaj en vortaro svarmados en gazetoj kaj libroj. Ni tion evitu."

Ne nur amuza estas komparo de ambaŭ citaĵoj, ĉar ĉiu aŭtoro plendas pri svarmo aŭ svarmado por si malplaĉa, sed ili montras bone du kontraŭajn vojojn. Kompreneble nia lingvo devas vorte riĉiĝi, sed malrapide kaj prudente. Se ni akceptus la plej multon el la radikoj nun proponataj, ni ankaŭ devus iam akcepti similajn listojn de Slavaj kaj Germanaj Esperantistoj. Nia lingvo fariĝus pli riĉa ol ĉiuj naturaj lingvoj, sed ankaŭ tiel malfacila, ke tia pleneco estus pereo ĝia. La kunmetaĵoj estas apartaĵo karaktera kaj fundamenta por nia lingvo; S-ro Sentis trovas ilin malbelaj; sed tio estas persona opinio, tute ne ĝenerala; inter iafoja negrava malklaraĵo okazigata de ili, kaj libereco, elasteco, facileco, kiujn ili havigas, oni rajtas pensi, ke la profitoj superas la mankon.

Verŝajne oni precipe kritikos la liston de S-ro Sentis ĉar ĝi entenas tro da nur Francaj aŭ Latinaj radikoj, sed tamen ĝi estos tre utile studata de niaj lingvaj aŭtoritatoj, kies rea laboro fariĝas pli kaj pli urĝa. Oni legu, pri tiu sama temo en „Esperanto-Spiegel" (aldono al „Germana Esperantisto", julio 1919) la grandiozan projekton pri starigo de plena vortaro.

**Humorajoj.** Profesoro *H. Boucon.* Eldonejo: Oskar Ziegler & Ko., Markt-Redwitz (Oberfranken), Bavario. 16 paĝoj, 10×14 cm Prezo: 30 pf.

Esperanto estas supernacia. Humoro estas internacia. Ambaŭ konstatojn refoje pruvas tiu nova kolekto da kvardek humorajoj, tradukitaj de Franca profesoro, eldonitaj en Germanio kun antaŭparolo de Prof. Christaller.

Tiu lasta deziras, ke ĝi estu utila, kiel amuzilo por la malnovaj, kiel ekzercilo por la novaj, kiel varbigilo por la estontaj samideanoj. Plenumu tiun trioblan esperon la belpresita stilkorekta posteulo de „Libro de l' Humorajoj", de „Tutmonda Anekdotaro", k. t. p.

**Esperanto ja Ranhanaate** *(Esperanto kaj la pacifismo)* de *Hugo Salokannel.* Eldonita de la Klubo Esperantista de Laihia (Finnlando). 17 paĝoj, 10×14 cm Prezo: 25 pennoj.

Tiun broŝureton mi ne legis, ĝi ja estas Finnlingva; sed, laŭ la aŭtoro, ĝi studas la kaŭzojn de malkonsento inter la homoj, kies unu, la multlingveco, trovas kuracilon en Esperanto. Ĝi enhavas dirojn de famuloj pri nia lingvo, raporton pri ĝiaj lastaj progresoj, pri dummilita laboro de UEA, k. t. p. *G. S.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas ĉiujn samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron (aperos en printempo 1920).*

**Kotizajoj:** Membro: *5 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 6 Fr. Britio: 4 sh. Germanio: 12 Mk. Hispanio: 5 Pes. Italio: 7 L. Nederlando: 2.50 Guld. Skandinavio: 3.50 Kr. Finnlando: 10 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 30 Kr. Ĉeĥoslovakio: 12 Kr. Polio: 12 Mk. Usono: 1 Doll.)*

Membro-Abonanto (*ricevas la gazeton*): *12.50 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 15 Fr. Britio: 10 sh. Germanio: 30 Mk. Hispanio: 12.50 Pes. Italio: 17.50 L. Nederlando: 6.25 Guld. Skandinavio: 8.75 Kr. Finnlando: 25 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 75 Kr. Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. Polio: 30 Mk. Usono: 2.50 Doll.)*

Membro-Subtenanto (*ricevas la gazeton*): *25 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: duoble pli ol membro-abonanto.)*

Membro dumviva (*kun la gazeto*): *300 Fr. Svisaj.*

Esperantia Entrepreno (*komercaj firmoj, societoj, k. t. p.*): *12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: same kiel membro-abonanto.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la Jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank (Banque Commerciale), Bern. — Poŝtĉeko: III 2600.*

**Al ĉiuj membroj.** — La Delegitoj nun ricevis ĉiujn presaĵojn necesajn por sia agado dum la nova jaro. Ni tre petas la membrojn, ke ili faciligu ilian taskon kaj nian administradon, repagante kiel eble baldaŭ sian kotizaĵon (vidu la prezojn ĉi-supre). Ni rememorigas, ke la membroj de UEA dezirantaj aboni nian gazeton devas pagi la kotizaĵon de membro-abonanto ne al ni, sed al la Delegito de sia loko; nur tie, kie ne ankoraŭ estas Delegito, oni pagu al la Centra Oficejo de UEA. Ĉiu membro paginta sian kotizaĵon antaŭ la 31 januaro rajtos senkoste presigi en la Jarlibro dudek-vortan anoncon pri korespondo aŭ interŝanĝo.

**Oficiala Jarlibro.** — Ĝi aperos dum printempo kaj enhavos, kiel la antaŭmilitaj eldonoj, multe da utilaj ĉiuspecaj informoj. Ni atentigas ĉiun pri la valoro de la anonca parto por firmoj dezirantaj, ke ilia nomo estu ĉie konata, por eksportistoj, kiuj volas repreni la rompitajn internaciajn rilatojn, aŭ ĉu per serĉado de reprezentantoj, ĉu alimaniere, intencas krei al si klientaron en la nove fonditaj ŝtatoj de orienta Eŭropo. La firmoj aŭ organizaĵoj aliĝantaj kiel Esperantiaj Entreprenoj rajtas presigi en la koncerna parto de la teksto 40-vortan anoncon. Ni ankaŭ akceptas pli grandajn anoncojn laŭtarife. Petu la specialan prospekton.

**Novaj statuto kaj komitato.** — La projekto de la nova statuto estas nun preparata kaj en komenco de 1920 estos sendata al ĉiuj Delegitoj por privoĉdonado. Samtempe kun la voĉdonado pri la statuto okazos la elekto de la nova Komitato.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj* (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 7500 |
| 61. S-ro Stefano Pedrazzini, Locarno, Tiĉino (Svisio) . . | 125 |
| Frankoj | 7625 |

La persono supre notita promesis antaŭ la 15 septembro. Ni de nun akceptas nur atestojn je 300 Fr., konforme al la nova tabelo de la kotizaĵoj. Al la ĝisnunaj garantiantoj, kiuj do havas jam unu ateston je 125 Fr., ni volonte elvendos la restantajn atestojn de la ĝisnuna serio por la rabatprezo de 100 Fr. Svisa valoro.

**Subtenantaj membroj.**

*Oka listo:*

188. St. Minkof (Sofia). — 189. S-ro Doué (Paris). — 190. S-ino Doué (Paris). — 191. C. White (Birmingham). — 192. D. Vojković (Doboj, Bosnio). — 193. C. Hayes (London). — 194. F-ino M. Rathway (Buckhurst Hill, Anglio). — 195. C. Ward (Kings Lynn, Anglio). — 196. J. Leakey (Hatfield). — 197. H. Foulde (Halifax, Anglio). — 198. G. Saggiori (Legnago, Italio). — 199. J. Vesseaud (La Varenne, Francio). — 200. H. Janik (Vitkovice, Moravio). — 201. S-ro Reboulet (Lyon). — 202. D-ro Lapierre (Lyon). — 203. E. Watson (London). — 204. C. de S. Cunha (Alagoinhas, Brazilo). — 205. D-ro M. Maranhão (Recife, Brazilo).

**Kotizajoj por 1919.** — Je la 31 oktobro estis enkasigitaj 2907 kotizaĵoj (el kiuj 205 subtenantoj). Krom tio estas 209 dumvivaj membroj. Sume: 3116. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 60.

**Statistiko de la korespondajoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato oktobro:

Ricevitaj: 965. — Forsenditaj: 822. — Tuta sumo: 1787. (Antaŭa monato: 2066.)

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Antofagasta* (Ĉilio). — D.: S-ro Jacinto Fonolla, komercisto, 516, Casilla.

*Bardiov-Bartfa* (Ĉeĥoslovakio, Slovakio). — D.: S-ro D-ro Vilmos Austerlitz, kuracisto.

*Fairbanks* (Usono, Alaska). — D.: S-ro W. D. Wheeler, ministo, Box 668.

*Gisborne* (Australio, Victoria). — D.: S-ro Henry Maynard Lanyon, instruisto.

*Höflitz bei Bensen* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Franz Wirth, katolika paroĥestro.

*Kiel* (Germanio). — D.: S-ro Bernhard Lage, bankkasisto, Weissenburgstr. 14.

*Oostende* (Belgio, West Vl). — D.: S-ro Nestor Fichefet, publicisto, 7, rue de Roumanie.

*Prešov* (Ĉeĥoslovakio, Slovakio). — D.: S-ro Tivadar Austerlitz, advokato.

*Recife* (Brazilo, Pernambuco). — D.: S-ro Methodio Maranhão, profesoro, 340, Rua de Sao João.

*Siedlce* (Polio). — D.: S-ro Czeslaw Pruski, studento, ul. 3go Maja 28.

*Turgi* (Svisio, Aargau). — D.: S-ro Gottlieb Graf, oficisto.
*Trento* (Italio, Trentino). — D.: S-ro Giovanni Marchetti, stenografisto, Via S. Maria Madd. 19, II p.

Ŝanĝoj.

*Bath* (Anglio, Somerset). — VD.: F-ino L. C. Silcox, instruistino, 2, Alpha Villas Lyncombe Hill.
*Marseille* (Francio, B. d. R.). — D.: S-ro Marius Maurin, ŝtatoficisto, 100, rue Ferrari. — VD.: S-ro G. Giraud, instruisto, 27, rue du Coq.

Adresŝanĝoj:

*Graz* (Aŭstrio, Steiermark). — D.: S-ro F. Krejči, urba elektristo, Wienerstr. 129.
*Tallinn-Reval* (Estonio). — D.: S-ro J. Rosenberg, Puschkini uul 7 k. 4.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:
*Fredriksstad* (Norvegio); *Göttingen* (Germanio); *Jalasjärvi* (Finnlando), *Zandvoort* (Nederlando).

□ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □

**☛ Ĉiu persono paginta la kotizaĵon de UEA antaŭ la 31 januaro rajtos senpage presigi dudek-vortan anonceton pri korespondo aŭ interŝanĝo en la Oficiala Jarlibro. Rapidu!**

□ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □

# Esperantista Parolejo

## Ankoraŭ pri Esperantista kostumbalo

Mi jus ricevis la novembran N-ron de „Esperanto". Permesu unue, ke mi gratulu vin pri la senĉesa plibonigo de la gazeto kaj elekto de la artikoloj en via ŝatata revuo, kiu fariĝas vera enciklopedio. La artikolo pri evoluo de la moderna pentrarto, ekzemple, respondas je vera bezono pro la nuntempe ĉie disvastiĝantaj art-ekspozicioj. Poste permesu, ke mi esprimu mian miron pri la artikoleto de S-ro Applebaum sur la paĝo 11a.

S-ro Applebaum ne respondis je mia kritiko pri portado de fantaziaj kostumoj, sed kredigas, ke mi protestis kontraŭ ĉia balo aŭ amuzo. Mi malaprobas, ke en la kutimaj kongresaj baloj aperu kostumoj aliaj ol tiuj kutime portataj en sia regiono de la ĉeestantaj samideanoj. Jen ĉio. Ĉe la komenco de la internaciaj kongresoj oni ne decidis organizi karnavalajn balojn, sed balojn, en kiuj la ĉeestantoj, portante siajn pentrindajn regionajn kostumojn, bele vidigus la internaciecon de la ĉeestantaro. Se naciaj vestoj agrable montras, ke personoj venintaj el malsamaj regionoj facile kaj ĝoje rilatas unu kun la alia pere de Esperanto, aliflanke karnavalaj kostumoj ridindigas Esperanton, almenaŭ en la plej multaj landoj. Ĉu Europano, kiu sin vestas laŭ Hinda aŭ ruĝhaŭtula maniero, ne mokas Esperanton? Certe jes, precipe ĉar neesperanta publiko povas pensi: „Esperanto! kia ŝerco. Tiuj personoj sin vestas ruĝhaŭtule por kredigi, ke ekzistas en tiu gento Esperantistoj!"

S-ro Applebaum bonvolu kredi, ke mi ne estas malŝatanto de amuzoj (kontraŭe!). Mi tre bone scias, ke David dancis antaŭ la arko, sed ĉu vi pensas, ke por tiu okazo David ŝmiris al si la vizaĝon per fulgo por simili nigruleton, aŭ ke li sin alivestigis en sklavo?

S-ro organizanto de la balo diras, ke „la neesperantistoj vidis en la diverseco de la kostumoj la veran simbolon de internacieco kaj interfrateco de la tuta homaro, sendiference de raso, gento kaj nacio". Mi konfesas, ke vidante danci Kleopatron (ŝi mortis de longe), Hindan ĉefon (de Brita deveno), Maŭron (la raso malaperis), ulojn de la tempo de Ŝekspir (ĉu ili renaskiĝis?), Kvakeran patrinon (mi pensas, ke tiu sekto malofte iras en balojn), Reĝan petoliston (metio nuntempe tre minacata de senlaboreco), Turkan Haremvirinon (mi miras, ke ŝi tiel rapide post la milito havis pasporton por iri Liverpool'on), mi neniel estus vidinta simbolon de internacieco, frateco, k. t. p., sed estus ekkriinta: „Bela karnavalo. Ni dancu; ni ĝoju; kelnero, verŝu ĉampanon."

Sed male montru al mi balon de ĉiulandaj veraj Esperantistoj, en kiu oni vidos S-ron policanon Alcorn en lia metia kostumo, Holandaninon el Holando kun ŝia punta kufo, kapitanon Perogordo en lia uniformo, Japaninon el Yokohama en nacia vesto, neblankigeblan negron el Afriko, Bernaninon el la ursa urbo en nigra korseto ornamita de arĝentaj ĉenoj, tiam S-ro Applebaum, mi vidos la simbolon de interkompreno inter ĉiuj popoloj per nia kara lingvo! Kaj se iam mi renkontas vin en iu Esp. balo mi prefere vidos vin en la humila bekeŝo de la Polaj komercistoj ol en la luksaj manteloj de Azia princo.

Mi esperas, ke la estontaj internaciaj kongresoj konscios, ke por alta celo kiel tiu de helpa lingvo oni devas eviti ĉiujn strangaĵojn, kiuj povas miskonigi niajn celojn.

*Konvinkita Esperantisto.*

## Alvoko al Germanlingvaj Esperantistoj

La ŝtata Saksa Esperanto-Instituto en Leipzig, inter kies ĉefaj taskoj laŭstatute estas la okupiĝo pri sciencaj Esperanto-demandoj, preparas la kreadon de kompleta Esp.-vortaro Germana-Esperanta, kiu laŭplane enhavos ĉirkaŭ 300,000 vortojn (nome la esprimojn de la komuna lingvo, la vortojn de la sciencaj kaj metiaj terminaroj kaj precipe frazeologion plejeble riĉan). La tuta laboro daŭros laŭtakse 10—15 jarojn. Tre atentinda ĝia parto jam estas plenumita helpe de multaj kunlaborantoj en Germanio. Por eltiri vort- kaj frazmaterialon el la bona Esp. literaturo, ni petas la subtenon ankaŭ de Germanlingvaj samideanoj ekster Germanio, ke ili elektu tiun aŭ tiun libron, gazetan jarkolekton, k. t. p., elskribu ĉion por nia celo gravan (detala noto pri la labormaniero estos sendata al ĉiu kunlaboranto!) kaj sendu ĝin al ni por la kartoteko. Ĉiu helpanto havos per tio duoblan utilon: 1e li atente studos iun verkon de nia literaturo, eble de li ĝis nun ne fundamente konitan; 2e li helpos atingi tre gravan celon, la starigon de vere kompleta vortaro, kiun depost multaj jaroj sopiras la tuta Esperantistaro. — Interesemuloj agu laŭ jenaj punktoj:

1e Kiu jam private por si mem faris tiajn notkolektojn, bonvolu skribi, ĉu li donus ilin al ni por kopiado;

2e kiu volas partopreni la laboron, sciigu al ni, kiujn verkojn li prefere tralaborus, por ke ni povu disdoni la materialon tiel, ke la sama verko ne estos legata en du lokoj;

3e ĉiu leganto, kiun tiu ĉi alvoko instigas al por- aŭ kontraŭdiroj aŭ iuj ajn rimarkoj, bonvolu ilin sciigi al ni, por ke ni povu uzi ilin por la profito de la granda verko.

*Saksa Esperanto-Instituto.*
Johannisplatz 3, *Leipzig.*

## Al eksterlandaj propagandistoj inter komercistoj

Ni jam komencis rikolti la fruktojn de nia laboro ĉe la 10a Brita Esperanta Kongreso, kiu okazis en Liverpool dum Pentekosto. La loka filio de la Brita Unuiĝo de Komercaj Vojaĝistoj (grava asocio) decidis subteni oficiale nian movadon.

Aŭdinte la raporton de la delegito, kiun ili sendis al la Kongreso, ili unuanime decidis, ke pro la granda neceso de L. I. en la rekonstruo de la mondo Esperanto ŝajnas tute taŭga por tiu celo. Ili decidis sendi skribpeton al la Direktoro de Edukado, ke li enkonduku Esperanton en la postlernejajn kursojn por junuloj, kiuj komenciĝos en aŭtuno laŭ la nova edukleĝo de Ministro Fisher, ankaŭ komenci Esp. kurson por siaj membroj.

Eksterlandaj propagandistoj estas petataj utiligi ĉi tiun novaĵon por instigi komercistojn al la studo de Esperanto kaj informi la Hon. Sekr. de la C. C. L. C., S-ro Marshall en London, kun la nomoj de la lernantoj. La celo estas interrilatigi tiujn por eventualaj komercaj rilatoj.

Kursa kondukanto *J. D. Applebaum*, Liverpool,
Hon. Sekr. de la Propaganda Komitato de B. E. A.

